Va jaro. — No 63. Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) 5 Oktobro 1909

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

Direktoro : HECTOR HODLER

ABONO

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redaktejo & Administrejo : 8, rue Bovy-Lysberg, GENÈVE (Svisujo).

REKLAMO

Ĝeneralaj Agentoj : Esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève (Svisujo); G. Warnier, 15, rue Montmartre, Paris; C.-A.-G. Browne, 20, Wellington St., Strand, London W.-C.; Germana Esp. Librejo, Rathausstr, 52, Leipzig.

Vidu la tarifon sur la 4a paĝo

## LINGVO VIVANTA

Ni ĉi tie donas resumon de la elokventa parolado, kiun faris Sro Ed. Privat ĉe la kunveno de la Instituto de Esperanto en Barcelono. Ni ne bezonas rimarkigi ke la ideoj ĉi tie esprimitaj tute respondas al la idealo de Esperantio kaj pruvas ĝian necesecon.

Oni ofte diris, ne nia lingvo estas artefarita kaj seka fabrikajo, ke vivi ĝi ne povos, ĉar literaturon ĝi neniam povos havi. Oni pretendis instrui nin, ke lingvo povas vere vivi, nur se ĝi havas popolon por ĝin paroli, popolon por ĝin kanti kun amo kaj poezio.

Jes, efektive, estas plej konata fakto, ke ĉiu vivanta lingvo havas propran spiriton. Ĝi reprezentas la sentojn kaj ideojn de la popolo kiu ĝin parolas. Jes, efektive, lingvo povas vivi nur per tiu propra spirito, kiu kreas ĝian literaturon.

Pro tio, se Dro Zamenhof estus nur lingvisto, li estus kredeble kreinta vere artefaritan lingvon, kiu restus eble senviva teoria projekto, kiel tiom da aliaj. Sed tion ni ĉiuj scias, ke antaŭ ol esti lingvisto kaj vere antaŭ ĉio, nia Majstro estas *homo*. (Apl.)

En nian lingvon li jam de la komenco enblovis *homan* spiriton. En ĝi li verkis *homajn* poemojn.

Kun ĝi li ligis grandan ideon kaj noblan senton. Tiel, kune kun la lingvo, li fondis popolon kaj, laŭ sia propra konfeso, la lingvon li fondis nur *pro* kaj *por* tiu nova popolo. Kaj tiu popolo nun vivas kaj kreskas ĉiujare. Ĝi estas ni, esperantistoj ĉiulandaj, kiuj amas Esperanton, ĉar ĝi simbolas nian internan ideon kaj celon. (Apl.)

Kiu studis la historion de la lingvoj, tiu scias, ke vivas kaj evolucias la lingvoj nur dank'al *sentaj* movadoj, neniam dank'al decidoj de lingvistoj. Ĉiu scias, kiel la potenca movado komencita de Luther en Germanujo progresigis la germanan lingvon, dum samtempe ĝi tranformis muzikarton kaj kantadon. Kiu konas la historion de la franca lingvo, tiu bone scias kiel, ĉe la fino de l'antaŭlasta centjaro, Chateaubriand, per enkonduko de « nova sento » en la literaturon komencis la grandan sentimentalan movadon, kiu tiel riĉigis la francan lingvon kaj baldaŭ donis al ĝi Victor Hugo kaj lian skolon.

Nu, ĉu la unua verso de nia amata himno ne estas : « En la mondon venis nova sento... »?

Jes, tiu « nova sento » estas la kaŭzo kial nia lingvo allogis tiel fervoran armeon de adeptoj. Tiu « nova sento » donas al la esperantista popolo ĝian entuziasmon, ĝiajn kantojn, ĝian poezion, ĝiajn simbolojn, ĝian literaturon, unuvorte ĉion, kio faras la vivon de iu nacia lingvo. (Apl.). Same kiel patriotismo kreskigas — kaj eĉ kelkfoje revivigas — naciajn lingvojn, same nia esperantismo, kiun simbolas la verdstela flago, kreskigas kaj vivigas nian karan lingvon.

Sed dum ofte la nacia patriotismo devigas homojn malami aliajn naciojn kaj aliajn lingvojn, nia internacia kaj pura esperantismo nur igas nin ami ĉiujn popolojn kaj iliajn lingvojn. (Apl.).

Tiel ĉiu homo povas — kaj ĉiu ja devus — ami samtempe sian nacian lingvon por sia kara patrujo kaj Esperanton por la tuta homaro.

Tiuj ideoj kaj sentoj ja kreis nian ankoraŭ malgrandan literaturon kaj, de dudek jaroj, sur la lipoj kaj sub la plumo de l'esperantistoj, nia lingvo viviĝis kaj kreskis ĉiutage pli kaj pli. Ĝi nun estas vere vivanta lingvo, kiu komencis saman naturan evolucion kiel la aliaj lingvoj kaj kiun de nun neniu en la mondo povas arbitre tuŝi. (Apl.).

Nun, ke tiun rezultaton ni ŝuldas sole kaj entute al la interna ideo kaj spirito de Esperanto, tion ĉiam memoru bone ĉiuj, kiuj lernas nian lingvon, eĉ se ili ne komprenas aŭ ne akceptas tiun senton de l'esperantismo.

*Laŭ nure lingvoscienca vidpunkto ni devas konstati ke la interna ideo de Esperantismo estis la ĉefa kaŭzo de la viviĝo de nia lingvo.* (Apl.).

Oni devas gratuli la organizintojn de la Floraj Ludoj, ke ili ĉe tiu kongreso donis novan kuraĝigon al esperanta verkado, kiu esperenble ĉiam pli kaj pli riĉigos nian lingvon per bela kaj forta *originala literaturo*. Ankaŭ oni devas danki al tiu admirinda organizajo U. E. A., kiun Dro Zamenhof nomis « la vera realigo de esperantismo », kaj kiu fariĝis la plej firma garantio kontraŭ ĉiuj atakoj al nia lingvo. (Apl.).

Nia lingvo estas sur plej bona vojo. Ni povas iri antaŭen kun plej plena fido kaj renovigita kuraĝo, ĉar en niaj koroj kuŝas nun definitiva certeco pri la vivo de Esperanto.

Vivos Esperanto por la bono de l'homaro. (Longa apl.).

## SOCIA VIVO

### JURO

#### La Kvarspesdeka poŝto. Ĉu ni ĝin havos iam?

En la Brita parlamento la 7an de la kuranta monato, S-ro Morton demandis al la ministro, ĉu li intencas aranĝi por ke oni povu sendi leterojn po 4 Sd. al Turkujo, kaj ankaŭ ĉu ekzistas britaj poŝtoficejoj en Konstantinoplo kaj en Ŝanghajo (Ĥinujo). Kaj ĉu oni ordinare sendas leterojn po 4 Sd. al Ŝanghajo kaj aliaj lokoj en Ĥinujo. La ministro respondis, ke jam ekzistas agentejoj de la brita poŝtoficejo en Ŝanghajo. La kvarspesdeka leterpoŝto troviĝas en la lasta nomata loko kaj en ĉiuj aliaj urboj en Ĥinujo, kie jam estas Hong-Kong'a agentejoj. Li aldonis, ke li ne meditas aranĝojn por kvarspesdeka poŝto inter Britujo kaj Japanujo.

Respondante al aliaj demandoj la ministro diris, ke li opinias, ke la kvarspesdeka tarifo plimalpli baldaŭ internaciiĝos, sed se Britujo starigus la aferon inter Britujo kaj Turkujo, ĉiuj landoj fremdaj atendos la saman kaj tio kostus ĉirkaŭ 3,505.000 $ jare.

### GEOGRAFIO

#### Usono honorigos la kreinton de la vaporŝipo. Al la gloro de Fulton. La vivo de inventisto.

En Usono oni baldaŭ honorigos la kreinton de la vaporŝipo kaj festos la centan datrevenon de tiu inventajo. Antaŭ cent du jaroj — la 17 Aŭgusto 1807 — la unua vaporŝipo foriris el New-York laŭ la rivero Hudson. Ĝi vespere alvenis en Clermont, vojaĝinte 103 mejlojn; poste ĝi iris ĝis Albany (150 mejloj); la trian tagon ĝi revenis al New-York. Entute ĝi uzis 32 horojn por iro kaj 30 por reveno. Tiun vojaĝon, per kiu estis inaŭgurita la unua publika navigada servo, Usono rememorigas samtempe kun la tricenta datreveno de la eltrovo de la golfo de New-York.

Instrua kaj nobla estas la vivo de Fulton. El tre malriĉa familio Fulton ricevis tre neplenan instruitecon. Post la morto de l'patro li devis juna labori por helpi al sia patrino kaj ŝiaj infanoj. La vesperojn li dediĉis al meminstruado, speciale de la sciencoj, kiuj lin allogis. Oficisto ĉe juvelisto li tie lernis desegnarton kaj elementojn de mekaniko; poste li fabrikis diversajn ilojn, kiujn li mem vendis sur la stratoj. Dank'al tiu komerco li povis aĉeti bieneton por sia patrino. La junulo tiam foriris al Londono kaj, dudekjara, sin okupis pri pentrado, sed mallonga estis lia artisto kariero. Fulton revenis al mekaniko; li elpensis ŝpinilon, studis pliboniĝon de la mueliloj kaj de kanaloj en Anglujo, sed ĉi tio ne liveris brilajn rezultatojn.

Je la trideka jaro Fulton venis Parizon, estis prezentita al ministro Carnot, kiu ne ŝatis liajn ideojn pri libereco de komerco. Li proponis al la registaro submaran ŝipon, kies projekton studis Komisio. Ĝi tiel longe studis ĝin, ke Fulton neniam konis la rezultaton de ĝia ekzamenado. La inventisto sin tiam turnis al Bonaparte, kiun interesis lia projekto. Unua eksperimento de Havre ĝis Brest malsukcesis; dua submara ŝipo liveris pli bonajn rezultatojn. Fulton proponis al Napoleono, militanta kontraŭ Anglujo, la kreon de submara ŝiparo. Ŝajnas, ke tiu propono estis tro malfrue komunikita al la imperiestro. En Anglujo oni atente konsideradis liajn eksperimentojn kaj proponis, ke li alportu siajn planojn Londonon. Li rifuzis; dume li eksperimentis vaporŝipon sur rivero Seine. Post kelkaj provoj li sukcesis naĝigi sian ŝipon sen remilo kaj sen velo. Tamen, kontraŭbatalita de la oficialaj sciencistoj, Fulton, kiu ricevis monhelpojn de Francujo, ĉesis ilin havi, ĉar oni konsideris, ke tro da mono estis elspezita sencele.

La inventisto iris Anglujon, kie oni proponis al li jaran renton interŝanĝe de liaj planoj. Li ne akceptis pro timo al ekspluatado kaj do revenis Amerikon, tiel malriĉa kiel ĉe la foriro.

Ankaŭ tie rekomencis la vanaj klopodoj. Oni lin ne aŭskultis aŭ ridis pri li. Sed iu lin aŭskultis kaj kredis, S-ro Livingstone pagis la konstruon de *Clermont*, la unua vaporŝipo, kiu iris de New-York al Albany. Sur la bordoj de Hudson la popolamaso, alkurinta, ridis kaj mokis pri tiu ŝipo, kiu celis naĝi alie ol la aliaj. Laŭ ĝi Fulton estis frenezulo. Sed tuj haltis la ridoj kaj ilin anstataŭis profunda emocio : la ŝipo naĝis, sen remilo kaj sen velo! Kaj el ĉiuj brustoj laŭtiĝis grandegaj aklamoj; Fulton ploris...

La ŝipo ja ne ankoraŭ similis niajn nunajn vaporŝipojn. Ĝi estis tre primitiva; tamen oni rapide konfidis al ĝi kaj prezentiĝis multaj pasaĝeroj. La *Clermont* estis longa 50 metrojn kaj larĝa 6; ĝin movis vapormaŝino de 26 ĉevalfortoj.

Antaŭ Fulton oni elpensis movigi la ŝipojn per movilo pli taŭga ol la remiloj kaj diversaj provoj estis faritaj. Sed al Fulton apartenas la gloro, ke li kreis la unuan vaporŝipon kun pasaĝeroj kaj ankaŭ la unuan militan vaporŝipon. Per lia verko definitive kreiĝis la vapornavigado. Malgraŭ tio Fulton devis suferi ĉiujn malĝojojn de la inventistoj. Oni lin kalumniis, kopiis, ĉiel kontraŭstaris. La bataloj, kiujn li devis fari kontraŭ fervoraj malamikoj, mallongigis lian vivon. Li mortis la 24. februaro 1815, apenaŭ kvindekjara. Tiu tago estis la komenco de lia senmorta triumfo kaj gloro.

L. J.

#### Amura entrepreno. — La oro delogas

En Orienta Siberio la rusa registaro organizis grandiozan entreprenon, konstruon de granda, kara fervojo trans montara lando, Amura Ĉemora. Certe tiu ĉi afero kostos grandan sumon. Tamen tiu ĉi ne estos grava. Rusujo jam konstruis grandan siberian vojon. Tiu-ĉi entrepreno estas interesa tial, ke la fervojo iros trans lokoj, kiuj estas riĉegaj de oro, arĝento, kaj aliaj mineraloj.

Jen kion rakontas kelkaj personoj, kiuj veturas de loko de konstruo al okcidenta kvartalo de Amura fervojo. La regiono en kiu estos konstruata la fervojo estas senviva. Ĉis nuna tempo tiun teron preskaŭ ne tuŝetis la piedo de l'homo. La tiea tero ne estas taŭga por terkulturo, kaj anstataŭe, ĝi estas kolose riĉa de oro. Oro, kiel rakontas orfosistoj, estas abundega. Sufiĉas demeti supran tavolajon, kaj montriĝos grandaj pecoj de oro. Nune, kiam, dank al laboroj por la fervojo, eltroviĝas ia aliro en senvivan, sovaĝan tajgon, multaj sekretfosistoj kuniros.

La « Ora febro » malsanigis eĉ fervojajn laboristojn; je la granda malplezuro de sia estroj ili forjetas sian laborojn kaj iras fosi oron. Tiuj laboristoj, kiuj ne decidas forjeti sian laboron, trovas oron en lokon de laboroj dum laboro. Tiam ili forlasas la laboron kaj komencas drinki ĝis kiam ili drinkis la akirajon. Unu grupo de laboristoj dum semajno elfosis da oro unu milon da spesmiloj. Tiaj okazoj ne estaj maloftaj. La drinkado kreskis terure. La vendistoj nun portas multajn drinkaĵojn trans rivero Amuro el urbo Blagovesĉenca kaj de alia ĥina bordo. Oni vendas botelon po unu $. Certe tiu-ĉi prezo estas malgrandega dum facila akiro de oro. Se oni ne malaperigas la drinkvendistojn, labori por fervojo estos malfacilege.

La naturaj laboroj ankaŭ estas malfacilaj. La marĉoj estas tre vastaj. En kelkaj lokoj estas renkontita ĉiama frostiĝintajo, kiu iras en grandan profundajon. En kelkaj lokoj malfermiĝas potenca skala tavolo. Arboroj estas densaj, tamen por la konstruo arbaro ne estas sufiĉe bona. Lignon oni devas alveturigi. La vojoj kaj ŝoseo ne estas pretaj kaj alveturigo de produktaĵoj kaj konstruaj materialoj estas farataj per ĉevala rimedo, kaj sur vaporŝipo, kiam tio estas ebla.

A. Borisov (Ĥarbin).

#### La Turismo en Japanujo. Kio estas « Bonakcepto ».

En la interesa revuo de la Franca Turing-Klubo, S-ro Rondet-Saint ekzamenas la gravajn progresojn, kiujn faris la Japanoj rilate al turismo. La Japanoj ne nur larĝe malfermis sian landon al la fremduloj, sed nun celas altiri al ĝi kiel eble plej multe da eksterlandaj vizitantoj. Ili komprenis la gravan profiton, materialan kaj moralan, kiun al ili povas alporti la kreo de vasta turista movado, kaj kiel necesa estas la diskonigo de sia patrujo eksterlande. Nuntempe, la turisto povas libere kaj agrable travojaĝi Japanujon. Ĉie li estos ĝentile akceptata kaj gastigata. Por trafi tiun rezultaton, la iniciatantoj uzis la metodon sekvitan de la Japanaj Stathomoj en aliaj rilatoj, t. e., ili studis, kio okazis en aliaj landoj kaj ĝin adaptis al sia propra patrujo. Ili komence fondis sub titolo « Bonakcepto » societon, kies sidejo estas en Tokio kaj eklaboris. Ili por la fremduloj eldonis libretojn, plejparte anglolingvajn, kiuj : pro la praktikeco, klareco kaj beleco, estas vere imitindaj. La societo celas « bonakcepti la fremdulojn, kiuj vizitas Japanujon kaj helpi ilin dum ilia restado; kaj — rimarkinde — malaperigi la rasajn antaŭjuĝojn kaj forigi la barojn, kiuj apartigas Orienton el Okcidento. Ĝi ricevis apogon de la imperiestra familio kaj gravan monhelpon. La turistoj povas aliĝi po 3 $. Inter aliaj servoj, ĝi estas al la dispono de la turistoj pri la vizitado kaj studado de la lando, faciligas la vidadon de la artaj verkoj kaj ilin rilatigas sociale kaj komerce kun la enlandanoj.

La praktika agado de la « Bonakcepto » elmontriĝis en lerta maniero : ĉiu membro ricevas karton kaj bonegan gvidlibron, kiu enhavas liston de hoteloj, planoj de ekskursoj, konsilojn pri vojaĝokostoj, doganoj, monoj, restoracioj, k. t. p. Ĉio estas konciza, klara, praktika. La deziro eviti al la vojaĝanto embarasojn en lando kie ĉio estas speciala, precipe la lingvo, montriĝas ĉie. Se vi alvenas en grandan havenurbon, afiŝo proponas al vi la helpon de la societo. En grava poŝtoficejo, vi trovos skribaĵon pri la kurieroj, formalaĵoj, eraroj evitotaj. Sur la stacidomaj kajoj gravaj tabeloj citas la vidindaĵojn, kuriozaĵojn kaj transportilojn. Fine, sub la aŭspicioj de la societo, ekzistas aparta organizaĵo vere utila. En la ĉefaj urboj estas interpretoj-gvidistoj rajtigitaj de la registaro. Ilian salajron fiksas speciala regularo. La « Bonakcepto » havigas tiujn gvidistojn kaj prizorgas la plendojn pri ili. Krom ili, multaj studentoj sin proponas por tiu ofico. Ili tiel havas la eblecon praktiki la fremdojn lingvojn kaj pliarĝigi sian scion. Se ilia sperto pri vojaĝo estas malpli granda, ilia helpo, en rilato intelekta, estas tre supera. Tiuj junuloj per tio trovas atentindajn rimedojn kaj komencon de socialaj rilatoj profitigaj. La sinjorinoj povas same helpigi al si per japaninoj, profesiaj gvidistinoj parolantaj angle. Junulinoj de superaj lernejoj ankaŭ akceptas tiun taskon.

Per tiu skizo oni vidas, ke atentinda kaj en multaj rilatoj imitinda estas la organizo de turismo en la lando de l'leviĝanta suno. Ni esperu, ke kiam la Esperantistoj Kongresos en Tokio, ili trovos similan organizon, kiu uzos Esperanton por helpi al la vizitantoj.

#### Superakvego en Manĝurio

En la fino de la nuna somero rivero Sunguri en Manĝurio tiel grande disverŝis, ke multaj vilaĝoj fariĝis sub akvo. La bordoj de la rivero demoviĝis je 10-15 kilometroj. En la rivero naĝas fojnamasoj, objektoj de dometoj, el kies fenestroj aŭ tegmento ĥinoj kaptas fiŝojn. Tiu ĉi superakvego alportis grandan malriĉecon. Al guberniestro de Girinu'a provinco estas prezentita raporto, en kiu oni diras, ke pro la superakvego 10.000 homoj perdis sian tutan mastrumajon. Estas granda bezono helpi al ili per mondonacado. Oni rekomendis, ke la riĉaj personoj helpu per donacado de objektoj aŭ naturajoj; se tia helpo ne estas alportita, multaj el la malriĉuloj fariĝos ĥunĥuzoj (ĥinaj rabistoj), kiuj jam sen tio estas multaj. En urbo Girin estas organizata monkolekto, kiu donis 556 $. Urbon Ĥarbin rivero Sungari ankaŭ minacis. Tamen la akvo ne povis eniri en komercan parton de urbo Ĥarbin, sed ĝi verŝiĝis sur duan bordon, kie staras restoracioj. Nune la akvo komencis plimalgrandiĝi.

A. B. (Ĥarbin).

#### Pri la migradflugado de la birdoj

Pro la granda scienca signifo kiun la birdejo de la Germana Ornitologia Societo en Rossitten (Kur. Nehr.) posedas en naturscienca rondo, mi volus atentigi je tiu ĉi loko pri la ringprovoj de la dirita institucio, ĉar la afero estas tute internacia. La direktoro de la birdejo Sro Dr Thienemann sur la kura terkolo en Germanujo eldonis ĉiujare ringojn en la Nejmaj provincoj por migradbiroloj : Kornikoj, mevoj, sovaĝanasoj kaj nome cikonioj. Tiu ĉi ringojn kiuj portas la suskribon « Vogelwarte Rossitten Kur. Nehr. Germania » kaj la eldonan numeron estas metataj ĉirkaŭ la piedojn de la birdoj. Se la birdo forflugas suden en aŭtuno en pli varmajn landoj kaj tie estas kaptita oni resendas la nomatan ringon al la ĝusta adreso en Rossitten. Multnombraj rezultatoj montras ke tiuj ĉi ringprovoj, enkondukataj de Dr Thienemann, estas eksterordinare valoraj por la scienco de la birdflugado el nordaj landojn suden. En tiu ĉi jaro jam kvin rinkcikonioj estas anoncataj el ia sudafrika vintrorestado nome el la Kalahavi dezerto, kaptitaj de Hottentotoj kaj en la Basutolando. La lasta birdo, kiu estas 9-monata traflugis malproksiman vojon de 9,500 kilometroj — tre respektinda efiko — kaj la rijata ringo revenis en la hejman lokol Rossitten. La sudafrikaj gazetoj : « The lape Daily Telegraph », Port Elizabeth kaj « The Star » en Johannesburg (Transvaalo) raportis pli ofte pri la rezultatoj de la ringcikonioj. Ankaŭ tiu ci artikolo atentigas ke ĉiu trovata ringo de la kaptita birdo kiu portas la enskribon : « Vogelwarte Rossitted Kur. Nehr. Germania » estu resendata al sia adreso.

J. Schwaiger (Del. Kœnigsberg).

### IDEOJ & FAKTOJ

#### La Vivo en New-York dum aŭgusto

La Aŭgusta monato estas tie ĉi ĝenerale la plej maldankema de vidpunkto ĵurnalista. Inter la aliaj monatoj de jaro ĝi estas la sama kio la tria horo nokte estas por la butikistoj. La leĝfabrikoj, tiel de la nacio kiel de la ŝtatoj, estas fermitaj; la juĝejoj estas fermitaj; la universitatoj kaj la malaltaj lernejoj estas fermitaj; la teatroj kaj la operoj estas fermitaj; kaj eĉ la preĝejoj — almenaŭ de la riĉaj kongregacioj — estas fermitaj. Ĉiuj bonhavantoj forlasas la urbon — aŭ por siaj somerdomoj aŭ por Eŭropo. La aferoj de la pli gravaj establaĵoj estas traktataj de subuloj. Mallonge, ĉiu, kiu estas de ia graveco je ia fako de socia aktiveco estas for de la urbo, kaj la ĉiam fidela mara serpento — Dio benu kaj plimultigu ĝin — estas la sola savanto de la malĝojaj ĵurnalistoj. Sed, tiun ĉi monaton, — almenaŭ je la fino — du gravaj okazintaĵoj — venis al la helpo de niaj malesperintaj ĵurnalistoj.

La plej grava el ili estas la reveno hejmen el Eŭropo de la fama kaj la plej sukcesa fervoj entreprenisto de Usono, S-ro E.-H. Harriman, en malbona fizika stato. La akcioj de ĉiuj fervojoj sub lia direktado, kiuj estas multaj kaj vastaj, multe malaltiĝis, kaj pro simpatio, ĉiuj aliaj akcioj falis kune kun ili. Tia efekto sur la borso pro la malsaniĝo de unu persono ne estis ebla antaŭ kelkaj jaroj, kiam ĉiu el la multaj fervojoj estis direktata aparte. Sed nune, kiam nia tuta vasta fervojaro estas en malmultaj manoj, la fizika stato de iu el ili — precipe se tia persono estas homo agema kaj originala, — estas efektive okazo de grava komuna intereso.

La dua — grava sociala okazintaĵo — kiu okupas multe da spaco en la gazetoj, estas la malfermo, la unuan fojon post 15 jaroj, de la fama Marble House (la Marmora Domo) de la vidvino S-ro O.-H.-P. Belmont, la patrino de la dukino Marlborough, por la propagando de « voĉdonoj por virinoj ».

Tiu ĉi belega domo, la plej belega de sia speco en Usono, estis konstruata de ŝia unua edzo, S-ro W.-K. Wanderbilt, unu el la plej riĉegaj « Fervojo-Magnatoj » kiel ilia somera loĝejo, je la kosto de pli ol miliono da dolaroj. Kompreneble, ĝi estas en Newport, la plej ekskluziva somera rifuĝejo de niaj granduloj — mezurataj per la ora kriterio.

Mallonge post ĝia konstruado, Ges-roj Wanderbilt, laŭ kutimo inter la granduloj disiĝis. Ne estas necese aldoni, ke ŝia dua edzo, ido de la fama bankiera familio, estis la kaŭzo de ilia disiĝo. Dum la lastaj dekkvin jaroj la belega domo, plena de multaj raraj objektoj de arto, estis fermita. S-ro Belmont mortis antaŭ unu jaro. La malfermo de tiu ĉi luksega palaco post tia longa dormado estus interesa iaokaze; sed ĝia uzo por tia aristokrata celo — kaj en la centro de la pompa aristokrataro — ne povis ne altiri la atenton de nia gazetaro, kiu tiom ŝatas regali sian legantaron per sensacioj. La parolado estis sur la herbejo antaŭ la domo, por la allaso al kiu (la herbejo) la entuziasmuloj aŭ la amantoj de kuriozaĵoj estis devigataj pagi unu dolaron. Sed de tiuj, kiuj ankaŭ deziris ĝui la grandan privilegion eniri kaj rigardi la sanktejon de Amerika reĝaro, oni postulis kvin dolarojn. Nia saĝa mastrino, kiu scias kiel profunda estas la amo por « rememeraĵoj » en la koro (aŭ la poŝo) de certaj personoj, prizorgis necesajn antaŭrimedojn por gardi kontraŭ tiaj vandaloj, per la invito de granda nombro da policanoj kaj de tre lertraj detektivoj, kiuj zorge sekvis per siaj sfinksaj okuloj ĉiun suspektindan entuziasmulon. La enspezoj, kompreneble, estis donataj por la propagando de la afero.

J. Silbernik (New-York).

#### Barono Raab kaj la pensia demando en Svedujo

Antaŭ nelonge nin vizitis barono Raab, kies nelacigeblan oferemon kaj energian laboron devas ŝati ĉiu, kiu ne kontraŭstaras la homan progreson. La intereso de barono Raab al lia granda afero oni povas kalkuli preskaŭ de lia infaneco kaj li dum la lastaj 12 jaroj travojaĝis ĉiun parton de Svedujo kaj Skandinavio; li elspezis almenaŭ 50.000 $ el sia kaso kaj kolektis ĉirkaŭ 60.000 $, dum li predikis la simplan veron : ke ĉiu homo, ĉe sia naskiĝo, kaj poste, se li estas utila en sia vivo, havu la rajton, kiam venas maljuneco aŭ malsaneco, ne esti konsiderata kiel almozulo. Sian sistemon li nomas « sinmem-kaj ŝtata alhelpado ».

Liantaŭe verkis projekton, kiu tre klare montras la efektivigeblecon doni pension al maljunuloj, malsanuloj, orfoj, k. a., per kiu la elspezoj por zorgado al maljunuloj, post kelka tempo, mala perus. Antaŭ kelkaj jaroj li, per la sveda registaro, transdonis sian projekton al la angla tiama ministro Chamberlain kaj, kiel scias la legantoj, estas en Anglujo, de 1909, leĝo pri pensio al la maljunuloj, kiu estas laŭ la projekto Raab.

Por akceligi la aferon en Svedujo la komitato, kies prezidanto li estas, decidis starigi por ĝi en Stockholm kongreson de svedaj deputatoj; por tio barono Raab denove travojaĝas la landon parolante, vigligante, monkolektante. Lin oficiale invitis Danujo kaj Norvegujo kaj ankaŭ Francujo kaj Usono por fari paroladojn pri la pensia afero, sed antaŭ li deziras, ke la demando estu solvata en lia lando.

Jen mallonge lia leĝprojekto : La deputataro decidas pri funda, origina sumo, sur kiu la kalkulo estos bazita; supozu 400 Sm. ĉiujare. Nu, se pensiulo, atinginte 60 jarojn, tamen povas mem laborgajni 100 Sm., li ricevas el la pensia kaso la duonon de la diferenco inter la origina sumo (400) kaj la laborgajnata sumo (100). Tiamaniere lia jara enspezo estas 150 + 100 = 250 Sm. Laborgajnante mem

300 Sm. li recevas el la pensia kaso 50 Sm., te entute 350 Sm. jare, k. t. p., ĝis li mem laborgajnos 400 Sm. Tiam li ricevas nenion el la kaso, sed gajnas malgrandiĝon de la ĝeneralaj taksoj. Ĉiu viro pagas al la kaso 5 Sm. jare kaj needziniĝinta virino 3,33 Sm.; la reston liveras la regna kaso. Por la pensio estas ĉefkaso en la ĉefurbo kaj filia kaso en ĉiu paroĥo.

Multaj ordenoj rekompencis la laboron de barono Raab kaj en Kristiania, oni interalie lin dankis jene: « Vi estas la unua inter la paculoj, ĉar vi povas krei pacon en la fundamento de homa socio, en la familio. La Nobelpremion vi plene meritas ».

C. Winberg (*Del Bengtsfors*).

# TRA LA MONDO

## VALENCIO



Priskribi nun Valencion kaj ne paroli pri ĝia Ekspozicio estas preskaŭ neeble. Sekve mi laŭeble promenigos la legantaron tra Valencia strataro, finante per la Ekspozicio.

Valencio, tria ĉefurbo de Hispanujo, havas ĉirkaŭ 200.000 loĝantojn. Ĝi kuŝas sur vasta ebenaĵo, ĉe la bordoj de Turia, je 4 kil. de Mediteraneo, kies kaveno unuiĝas kun la centro de l'urbo per tramoj kaj fervojoj. La florriĉeco de tiu urbo estis kantita de multaj poetoj kaj la fruktodoneco de la tero estas miriga. Milionoj da oranĝoj kaj aliaj fruktoj ĝin ĉie ĉirkaŭas. La floroj estas tiel abundaj kiel la belaj knabinoj kaj ofte rezultas problemo de malfacila juĝo, respondi ĉu tiuj ornamas ĉi tiujn aŭ ĉi tiuj tiujn. Resume, la beleco de la floroj, la fruktodoneco de l'tero, la ĉarmo de la Valencianinoj, la sunriĉeco kaj ĝia milda temperaturo ŝajnigas Valencion paradizangulo. Tion atestas pli bone ol ni ĝiaj fremdaj vizitantoj.

Alveninte Valencion vi troviĝos antaŭ parko Castelar, kies centron okupas fontano kun statuo de Markizo de Campo. Pli antaŭe vidiĝas alia parketo kun statuo de la mondfama pentristo Ribera. Okcidente, staras la Urbodomo, komencita en 1750, poste la placo de la Reĝino, centro de la urba vivo, apude la preĝejo kun sia fama sonorilturo Elirinte el la originala Ronda Placo ni trovas la Halon, kiu devas esti uzata nur laŭ arta vidpunkto, ĉar la moderna vivo postulas ĝian baldaŭan malaperigon. Kontraŭ la fasado de preĝejo Sta Johano vidiĝas la vendistarejo, eleganta gotika konstruaĵo, kies konstruo finiĝis en 1498. La katedralo estas ankaŭ rimarkinda. En la Pordejo de la Apostolaro okazas ĉiuĵaŭde kurioza ceremonio, eble unika en la mondo, pri kiu mi alian fojon parolos. Angule de la katedralo stariĝas la ĉefturo de Valencio, la « Miguelete », kies profilo ĉiam taŭgas por karakterizi Valencion.

Nun, kelkajn vortojn pri la Ekspozicio. Ĝi kuŝas sur plataĵo de 140.000 kvadratmetroj. Tuj post la eniro ni vidas la Palacon de Belartoj, kiu entenas kelkajn premiitajn majstroverkojn, la Grandan Arenon, la Grandan Kojenon, belforman konstruaĵon tre admiratan, kaj la Festosalonon. Ni trovos poste la palacon de publikaj laboroj, de muziko, de bestkulturado, de aŭtomobiloj, de l'industrio, k. a. En la palaco de Urbestraro, oni instalis Esperantan fakon, kiu certe movos Valencion al pli granda intereso por nia afero, ĉar ĝi estas tre vizitata. Entute la ekspozicio estas tre kompleta kaj havas multe da vidindaĵoj.

Valencio havas nun duoblan aspekton, parte luksan kaj komfortan kvazaŭ unuaranga urbo, parte antikvan kun siaj respektindaj tradicioj. La ĉiutaga gazetaro konsistas el sep ĵurnaloj. Funkciadas kvar teatroj, multaj kinematografoj kaj torocirko. La karaktero de la Valencianoj estas laborema kaj gastema, sed precipe artista, kion ili elmontras en diversaj okazoj. Ili tre ŝatas la tradiciajn festojn, inter kiuj la flambrulaĵoj de Sta Jozefo, kurioza moro certe unika.

Multon mi ankaŭ povus diris pri Valencio, sed ĝin scias la Kongresanoj, kiujn ni gastigis post Barcelono. La aliaj baldaŭ riparu sian forgeson nin vizitante.

A. Novejarque (Del. Valencia).

# Kun svedaj lernantinoj en Esperantujo

Brila vetero dum la tuta vojaĝo, afabla gastameco ĉie! Kio plua estis bezonebla por ĉarmigi nian ekskurson? Ankaŭ la memoro de ĝi malfrue paliĝos, espereble restos dum la tuta vivo.

La 12 Aŭgusto ni ekveturis. Ok knabinoj, ges-roj B. kaj verdstela flago! Jen la tuta grupo, kiu enŝipiĝis por ekskursi Esperantolanden.

Ĝis tiam oni apenaŭ kredis al la efektivigo de tiu ĉi vojaĝo. « Stranga ideo: vojaĝi eksterlanden kun infanoj, malriĉaj knabinoj, per Esperanto! Ideo de fanatikulo! » Sed nun! « Ili efektive enŝipiĝas; estas do seriozaĵo. Oni ja ne povas ne kredi siajn proprajn okulojn ». — Kaj dum reciprokaj salutoj, salutoj per manoj, poŝtukoj, ĉapeloj k. a. ni forlasis Helsingborg kaj la ĝeneralan strikon por ekrevivi en Esperantujo.

En Kopenhago, nia unua restadejo, la ĉiam amindaj anoj de K. E. K. en sia beleta kunvenejo aranĝis agrablan vesperfeston, kiu altagrade altiris la intereson de niaj svedaj samideaninoj. — Tamen mi nur kun malĝojo rememoras tiun feston; ĉar tiam lastafoje vidis Sino Schrœder, nian plej fidelan kaj fervoran Delegitinon en Kopenhago. Gaja kaj vivema kiel ĉiam ŝi sidis je mia flanko tiun memorindan vesperon, kaj nur kelkajn tagojn poste ŝin trafis perforta morto dum vojaĝo en Svisujo. Instigu la memoro de ŝi kaj ŝia nobla agado al daŭriga fervora laboro por la Esperantismo!

Vespere la 13 post longedaŭra kaj laciga veturado ŝipe kaj vagonare ni alveturis en Hamburg, Apenaŭ stariginte nian flagon sur la peronon, nin ĉirkaŭis stelornamitaj, flagportantaj samideanoj, kiuj nin forkondukis kvazaŭ en triumfo. Estis tro multe da surprizoj por niaj pro la longa vojaĝo dormemaj kaj al esperantista amindeco ankoraŭ ne alkutimigitaj knabinoj. Ŝajne ili estis iomete timemaj kaj, se mi ne eraras, eĉ larmoj estis videblaj en unu aŭ alia okulo. — Supozeble ili ĉiuj bone dormis dum la nokto kaj poste havis ĉarman tagon, ĉar, kiam ni revidis niajn infanojn je l'vesperfesto, ĝojo kaj kontenteco brilis el iliaj vizaĝoj.

Estus tro longe detale priskribi tiun ĉi memorindan vojaĝon. En Hannover, Magdeburg, Leipzig, de kie ni faris mallongan viziton en la por ĉiu Svedo bonkonata urbeto Lützen, en Dresden — la mirinde bela urbo — en Berlin kaj Lübeck, ĉie ni renkontiĝis kun tute sama korega akcepto, sama gastameco kaj oferemeco, ĉie kun la plej afablaj homoj. Ĉie oni afable gastigis nin kaj, oferante multe da mono kaj multe da tempo, oni al ni aranĝis festajn kunvenojn kaj montris ĉiajn vidindaĵojn. Kaj nun post la belaj 16 tagoj, dum kiuj daŭris nia ekskurso, ni unuvoĉe povas konstati, ke nenie troviĝas pli amindaj homoj, pli vidindaj lokoj kaj nenie pli brila suno ol en nia amata Esperantujo. Ĉu tiu ĉi vojaĝo havis signifon por nia afero? Certe! — En Hannover, Magdeburg, Leipzig, eble ankaŭ en Lübeck, en kiuj lokoj oni aranĝis propagandajn kunvenojn, tiu ĉi peresperanta vizito de svedaj knabinoj kredeble ne malmulte helpis al la propagando de nia afero. Ĉie en la trapasataj de ni lokoj la nacivestitaj svedinetoj altiris la atenton de l'publiko; kaj en la stratoj ili tre ofte estis ĉirkaŭataj de scivolemuloj, kiuj demandis pri ĉio elpensebla. En la vagonaroj same! En Magdeburg kaj Leipzig proksimume 300 personoj, plejparte neesperantistoj, ĉeestis niajn kunvenojn; en Hannover preskaŭ tiom da homoj plenigis la kunvenejon.

Oni rimarkis, ke la knabinoj ne komprenis sufiĉe da Esperanto, ne flue parolis k. t. p., kaj pro tio ilia ekskurso nur malmulte utilis al nia movado. Laŭ mia opinio tia parolo ne estas tute laŭvera kaj tute ne prudenta. Certe ili ne flue parolis, nek ĉiam komprenis; sed tion ankaŭ ne faras la plimulto da Esperantistoj. Cetere la malprudentaj knabinoj, kredante ke ĉiu germana esperantisto estas lerta esperantisto, ne malofte plendis pri tute la sama afero. « Ili ja ne konas Esperanton, ni do ne povas interkompreniĝi ».

La vero estas, ke infanoj — almenaŭ en nia lando — ĝenerale ne estas tre babilemaj kun plenaĝuloj, precipe ne, kiam tiuj ĉi estas fremduloj. Kial do postuli, ke infanoj kiuj nur malmulte parolas kun plenaĝuloj en sia nacia lingvo, multvorte aŭ eĉ flue parolu kun ili esperante? Laŭ propra eldiro ili komprenis ĉion elparolatan bone kaj kompreneble. Ĉar la knabinoj ofte ŝanĝis restadejon, kaj la diversaj lokaj dialektoj altagrade influas la elparoladon de Esperanto, ne mirinde, ke ili ne ĉiam bone komprenis. Cetere, tiu ĉi vojaĝo celis doni al la partoprenantinoj okazon praktike t. e. inter alilandanoj ekzerci la lingvon. Ĉu tia ekzercado ne havas gravan signifon por nia movado?

Sed la ĉefintenco de tia vojaĝo tamen estas en la koroj de la gejunuloj alvoki intereson kaj amon al Esperanto. — Tuj post la hejmreveno niaj knabinoj unuvoĉe insistis, ke mi daŭrigu al ili la instruadon pri Esperanto. Ĉu tio ĉi povas esti konsiderata kiel pruvo de intereso kaj amo al nia lingvo? Eble! Sed kiam ni en ne tro malproksima estonteco ĉie inter civilizitaj homoj instruos infanojn kaj gejunulojn pri Esperanto, tiam vojaĝo kiel la nun finita donas multe pli bonan kaj valoran rezultaton. Tiam gelernantoj el ĉiuj landoj renkontiĝos, interparolante senĝene en Esperanto, kaj Esperanto fariĝos la internacia lingvo de l'gejunularo kaj per tio ankaŭ la lingvo de l'estonteco. Kaj venos tempo kiam ĉiuj plenaĝuloj scias Esperanton, ĉar ili ja lernis tiun lingvon jam en la infaneco.

G.-H. Backman
(*Del. Helsingborg*).

# Dro ZAMENHOF en Ĝenevo



5 4 3 1 2 6 7 8 9 10 11

1-2. Ges-roj *L.-L. Zamenhof*. — 3. Sro *R. de Saussure*, direktoro de Scienca Oficejo. — 4 Sro *H. Hodler*, vicprez. de U. E. A., direktoro de « Esperanto ». — 5. Sro *S. Sosnovski*, sekretario ĉe U. E. A. — 6. *Ed. Privat*, direktoro de la Instituto de Esperanto, redaktoro ĉe « Esperanto ». — 7. Sno *Sosnovski*, sekretariino ĉe U. E. A.. — 8. Sno *Ostrovski*, Geneva grupo. — 9. Sro *Milsom*, sekretario ĉe la Instituto. — 10. Sro *Stettler*, subfakestro ĉe U. E. A., vicprez. de S. E. S. — 11. Sro *Ostrovski*, redaktoro ĉe « Esperanto ».

Ĉe sia reveno el Valencio kaj Barcelono, nia kara majstro kaj lia afabla edzino haltis unu horon en Ĝenevo, inter du vagonaroj, kaj tie estis akceptitaj de la diversaj priesperantaj laborantoj. La supra vidaĵo montras, grupigitajn ĉe la vagono, la plej multajn kunlaborantojn ĉe U. E. A., Esperanto, Scienca Oficejo kaj Instituto. Ĉiuj el ili dediĉas sian tutan tagon al nia afero.

# Esperantiaj Informoj

**Neufchâtel** (Svisujo). — *La Svisa Asocio de la Profesoroj de Komercaj Lernejoj* organizas libertempajn Kursojn por siaj membroj. Tia perfektiga kurso okazas nun en Neufchâtel kaj ĝia programo enhavas paroladojn pri nunaj komercaj demandoj. Dank'al Profesoro Bonjour de la Komerca Lernejo en Neufchâtel, okazis ankaŭ parolado pri « La lingvo Internacia ». Ĝi estis farita de nia samideano H. Stroele, astronomo kaj ricevis ŝatatan sukceson en medio tute varbinda. Esperanta ekspozicieto aranĝita la saman tagon estis vizitata kun intereso kaj helpis al la bona efiko de l'parolado.

G. S.

FELIETONO DE « ESPERANTO »

14

# RAKONTO
PRI
# SEP PENDIGITOJ

De Leonid ANDREJEV

Dediĉita al Lev. Nikolajeviĉ Tolstoj

### IX. Terura soleco

Antaŭ li aperis nova vivo. Li ne provis, kiel antaŭe, esprimi per la vortoj la ekviditaĵon, kaj eĉ ne troviĝus tiaj vortoj en la ĉiam ankoraŭ malriĉa, ankoraŭ mizera homa lingvo. Tio malgranda, malpura kaj malbona, kiu vekis en li la malestimon al la homoj kaj iatempe elvokis eĉ abomenon al homa vizaĝo, tute malaperis: tiel por la homo, leviĝinta en aerbalono, malaperas la balaaĵo kaj la koto en la mallarĝaj stratoj de l'forlasita urbo, kaj la malbelaĵo fariĝas beleco.

Per senkonscia movo Verner paŝis al tablo kaj sin apogis apud ĝi per la dekstra mano. Fiera kaj pova laŭnature, li neniam ankoraŭ metis sin en tia fiera, libera kaj pova pozo, ne turnis tiamaniere sian kolon, ne rigardis tiel — ĉar li neniam ankoraŭ estis libera kaj pova, kiel ĉi tie en la malliberejo, nur kelkajn horojn antaŭ la ekzekuto kaj morto.

Ankaŭ la homoj aperis al li novaj: ili laŭnove ŝajnis ĉarmaj kaj karaj al lia heliĝinta rigardo. Ŝvebante super la tempoj, li klare ekvidis, kiel juna estas la homaro, nur hieraŭ ankoraŭ blekinta en arbaroj. Kaj tio, kiu en la homoj ŝajnis terura, nepardonebla kaj malbona, subite fariĝis kara, — kiel estas karaj ĉe la infano ĝia malkapablo paŝi kiel grandaĝulo, ĝia konfuza balbuto, brilanta per fajreroj de genieco, ĝiaj malertaĵoj, eraroj kaj dolorigaj kontuzoj.

— Ah! miaj karaj! — subite ekridetis Verner kaj samfoje perdiĝis la tuta graveco de lia pozo, li denove estis arestito, al kiu estis mallarĝe kaj malportune enfermite, kaj iom enue de la teda, tenta okulo, elŝoviĝanta sur ia porda ebenaĵo. Kaj estas strange: preskaŭ subite li forgesis tion, kion li ĵus vidis tiel reliefe kaj klare; kaj pli strange ankoraŭ — li eĉ ne penis rememori. Li simple sidiĝis pli oportune, sen kutima severeco de la pozo, kaj kun fremda, ne-Vernera, malforta kaj delikata rideto ĉirkaŭrigardis la murojn kaj la kadrojn. Okazis io, kiu neniam okazis ĉe Verner: li subite ekploris.

— Miaj karaj kamaradoj! — murmuris li kaj ploris maldolĉe. — Miaj karaj kamaradoj!

Per ia mistera vojo li el sento de fiera kaj senlima libereco venis al ĉi tiu delikata kaj pasia kompato? Li ne sciis kaj ne pensis pri tio. Kaj lia subite reviviĝinta koro ankaŭ ne sciis, ĉu ĝi kompatis ilin, liajn karajn kamaradojn, ĉu ion alian ankoraŭ pli altan kaj pasian kaŝis en si liaj larmoj. Li ploris kaj murmuris:

— Karaj kamaradoj miaj! Vi estas karaj, miaj kamaradoj!

En tiu ĉi, maldolĉe ploranta kaj kun larmoj ridetanta, homo neniu ekkonus la malvarman kaj fieran, lacan kaj arogantan Verneron — nek la juĝistoj, nek la kamaradoj, nek li mem.

### XI. Oni veturigas ilin

Antaŭ ol enkaleŝigi la kondamnitojn, oni kunvenigis ilin kvin en unu grandan malvarman ĉambron kun arkaĵa plafono, verŝajne estinta kancelario aŭ atendĉambro, kaj oni permesis al ili interparoli. Sed nur Tanja Kovalĉuk tuj ekuzis la permeson. La aliaj forte kaj silente premis la glacie malvarmajn kaj fajre varmegajn manojn. — kaj, evitante rigardi unu la alian, ili mallerte amasiĝis en malordo. Nun, kiam ili estis kune, ili kvazaŭ hontis tion, kiun ĉiu el ili sentis, estinte izolita; ili timis rigardi por ke ili mem ne ekvidu kaj ne montru al aliaj tiun novan apartan hontigan senton, kiun ĉiu spertis aŭ suspektis en si.

Sed ekrigardinte unu-dufoje, ili ekridetis kaj tuj sentis sin, kiel antaŭe, simple kaj neĝenate: nenia ŝanĝo okazis, kaj se estis ia ŝanĝo, ĝi tiel egale influis ĉiujn, ke ĝi fariĝis nerimarkebla por ĉiu aparte. Ĉiuj parolis kaj moviĝis strange: nerve kun ekpuŝoj, tro malrapide aŭ tro rapide: jen balbutante iajn vortojn kaj ripetante ilin kelkfoje, jen ne finante la komencitan frazon, mem ne rimarkante tion. Ĉiuj okulfermetis kaj scivole rigardadis, ne ekkonante la ordinarajn objektojn, kiel homoj, kiuj ĉiam uzas okulvitrojn, subite formetus ilin. Ili ofte subite turniĝadis malantaŭen, kvazaŭ iu el post la dorso ĉiam vokis ilin, ion montrante. Sed ili ankaŭ ne rimarkis tion. La vangoj kaj oreloj de Musja kaj Tanja Kovalĉuk estis ruĝegaj; Sergej unue estis iom pala, sed baldaŭ li reordiĝis, fariĝinte tia, kiel ĉiam.

Nur Vasiljon ĉiuj ekatentis. Eĉ inter ili li estis stranga kaj timiga. Verner emociiĝis kaj kun kortuŝa maltrankvileco silente diris al Musja:

— Kio ĝi estas, Munja? Ĉu efektive li estas... ah? Ĉu? ni iru al li.

Vasilij el ie malproksime ekrigardis Verneron, kvazaŭ ne rekonante lin, kaj mallevis la okulojn.

— Vaĉjo, kio estas kun viaj haroj, ah? Kio do estas al vi? Nenio, frato, nenio, baldaŭ ĉio estos finita. Oni devas sinregi, oni devas, oni devas.

Vasilij longe silentis kaj, kiam jam ŝajnis, ke li tute nenion diros, venis malfrua, surda, malproksimega respondo: tiel la tombo povus resonigi la ripetitajn vokojn.

— Do al mi estas nenio. Mi minregas.

Kaj ripetis: — Mi minregas.

Verner ekĝojis.

— Jen, jen. Bravulo. Tiel, tiel!

Sed renkontinte malhelan, pezan rigardon, direktitan el profunda malproksimo, li momenton ekpensis kun sopiro: el kie li rigardas? el kie li parolas? Kaj kun profunda kortuŝo, kiel oni parolas nur al tomboj, li diris:

— Vaĉjo, ĉu vi aŭdas? Mi tre amas vin.

— Mi ankaŭ tre amas vin, — respondis malfacile moviĝanta lango.

Musja subite prenis la manon de Verner kaj kun mira mieno afekte, kiel aktorino sur la scenejo, diris:

— Verner, kio estas kun vi? Vi diris: « Mi amas? » Vi neniam diris al iu — « mi amas ». Kaj kial vi estas tia... luma kaj kortuŝanta? Ah, kial?

— Kio do estas?

Kaj ankaŭ, kiel aktoro afektante liajn sentojn, Verner forte premis la manon de Musja:

— Jes, nun mi tre amas. Ne diru al aliaj, ne estas bezone; mi iom hontas, sed mi amas.

Iliaj rigardoj renkontiĝis, helege ekbrilis, kaj ĉirkaŭe ĉio estingiĝis: tiel, dum la subita ekbrilo de fulmo, ĉiu aliaj fajroj estingiĝas, kaj eĉ la flava peza flamo mem ĵetas ombron sur la teron.

— Jes, — diris Musja. — Jes, Verner!

— Jes, — respondis li. — Jes, Musja, jes!

Ili komprenis ion kaj senhezite konfirmis ĝin. Kaj kun brilaj rigardoj Verner ree ekmoviĝis kaj rapide ekpasis al Sergej.

— Serĉjo!

Sed respondis Tanja Kovalĉuk. Ravita, preskaŭ plorante pro patrina fiereco, ŝi furioze tiregis la manikon ĉe Sergej.

— Verner, vi aŭskultu! Mi tie ploris, mi konsumiĝis pri li, kaj li — ekzercas gimnastikon!

— Laŭ Müller? — ridetis Verner.

Sergej konfuze brovumis.

— Vi kune ridas, Verner. Mi definitive konvinkiĝis... Ĉiuj ekridis. Ĉerpante forton kaj firmecon en reciproka komunikiĝo, ili iom post iom fariĝis samaj, kiel antaŭe, sed eĉ tiun sanĝon ili ankaŭ ne rimarkis. Subite Verner interrompis la ridon kaj tre serioze diris al Sergej:

— Vi estas prava, Serĉjo, tute prava.

— Ĉu ne — ekĝojis Segej Golovin — komprenu do: kompreneble ni...

Sed nun oni invitis ilin veturi kaj afable permesis sidiĝi po du laŭdezire. Ĝenerale oni estis tre afablaj, eĉ ekstreme afablaj: oni penis eble aperigi ian homan senton, aŭ ŝajnigi, ke neniu el ili ĉestas tie ĉi, sed ĉio fariĝas nur per si mem. Sed mankis sincereco al tiuj penoj.

— Vi, Musja, kun li, — montris Verner senmove starantan Vasiljon.

— Mi komprenas, — skuetis Musja la kapon. — Kaj vi?

— Mi? Tanja kun Sergej, vi kun Vaĉjo... Mi sola. Estas negrave, mi ja povas, vi scias.

Kiam ili eliris en la korton, la malseketa mallumo mole, sed varme kaj forte frapis la vizaĝojn, la okulojn, haltigis la spiriton, subite renovigante kaj delikate penetris la tutan ektremintan korpon. Estis malfacile kredi, ke tiu ĉi mirindaĵo — estas simpla malseketa, varma, printempa ventblovo. Kaj vere mirinda printempa nokto odoris degelantan neĝon, — senliman vaston. Eksonoris gutetoj. Klopode kaj ofte, antaŭirante unu la ilian, falis rapidaj gutetoj kaj harmonie sonfrapis laŭtan kanton; sed subite unu guto maltrafas kaj ĉio konfuziĝas en gaja aplaŭdo, en senorda rapidiĝo. Kaj poste forte ekfrapas unu granda, severa guto kaj ree takte kaj sonore frapas la rapidema printempa kanto. Kaj en la urbo, super la fortikaĵaj tegmentoj estis pala ruĝo de elektraj lumigiloj.

— Uh-ah! — larĝe inspiris Sergej Golovin kaj haltigis la spiradon, kvazaŭ ne dezirante elspiri el pulmo tian freŝan, bonegan aeron.

— Ĉu jam delonge estas tia vetero? — informiĝis Verner. — Vera printempo.

— Nur la duan tagon, — estis la afabla, ĝentila respondo. — Antaŭe ĉiam estis oftaj frostoj.

Trad. Dro J. Ostrovsky.
(*Daŭrigota*)

Rimarko. — En la no 61 de 30 aŭgusto (eraro de presejo) estis forgesitaj la jenaj lastaj linioj post la vortoj: « Kaj plendi malliŭte »:

— Nia vivo... ĉu ĝi estas vivo! Ah, mia kara, ĉu tio estas vivo?

Kaj poste subite fariĝas ridego kaj oni ekdeziras krispeti la harojn, ekpetoli, elmeti la bruston al ies ekbatoj: jen, batu!

La Redakcio.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

**Labora Kunveno de U. E. A.**

Barcelono, 10 septembro 1909, je 3ª.

La kunveno okazis en Paraninfo, sub la prezido de Sro H. B. Mudie, prezid. de U. E. A. La Komitato estis reprezentata de S-roj Hodler, Rousseau, Carles, Kandt, Blaise.

I. Sro *Hodler* prezentas, en la nomo de la Komitato, diversajn ŝanĝoproponojn en la regularo, speciale pri kreo de ĉefdelegitoj, forigo de sendependaj Subdelegitoj kaj de l'fako Aerveturado. Laŭ la unua, en ĉiu granda regionaro havanta komunajn interesojn pri komerco, turismo, k. t. p., la Delegitoj elektus ĉefdelegiton, kiu havus la taskon alcentrigi la raportojn de la konsuloj kaj Del. de sia distrikto kaj klopodi por propagandi UEA. varbi novajn Del., k. t. p. Laŭ la dua propono ekzistus de nun nur Delegitoj, kiaj estus la nombro de la membroj en ilia regiono. Subdelegitoj estus nur en malgravaj lokoj kaj ĉiam senpere dependus de la Del. La kondiĉoj pri voĉdonrajto restus kiel nun. Tiu projekto estas rezultato de proponoj de S-roj Brunet (Del. Bordeaux) kaj Vesoux (Del. Beaune). kiujn la Komitato juĝis alpreninda j. La tria propono (forigo de la fako aerveturado) estas pravigata de la nerespondo de Sro Roy al ĉiuj leteroj. Aerveturado povos esti subfako de turismo.

La diskuto estas malfermata. Sro *Vesoux* (Del. Beaune) ne konsentas pri enkonduko de ĉefdelegito, kies utilecon li ne opinias grava. Sufiĉas la nunaj Del. — Sro *Caron* (Subdel. Bloiŝ) petas klarigojn pri la rilatoj inter la ĉefdelegitoj kaj la regionaj federacioj kaj ĉu ili devos esti en sama loko. — Sro *Hodler* respondas, ke la ĉefdel. estus tre utilaj por konigi nian Asocion. alcentrigi raportojn; ili povus reprezenti nian Asocion ĉe la regionaj federacioj, sed tio tute ne signifas, ke ili devas loĝi en sama loko, ĉar U. E. A. kaj federacioj estas tute malsama afero. — Sro *Rudnicki* (Del. Krakow) konsentas pri la institucio proponita, sed dezirus, ke tiuj ĉefdel. povu reprezenti la Del. de tia distrikto kaj voĉdoni anstataŭ ili ĉe la kunvenoj. — Sro *Rousseau* diras, ke la Ĉefdel. nun ne havos administran rolon; la Del. ĉiam rilatos kun la Komitato senpere.

La tri ŝanĝoproponoj estas akceptitaj kun la sola ŝanĝo, unuanime akceptita, ke la titolo ĉefdelegito estos anstataŭata de *distrikta delegito.*

II. Sro *Rousseau*, financa fakestro, raportas pri la buĝeto de la venonta jaro kaj la kotizaĵoj. Diversaj personoj proponis, ke oni plialtigu, aliaj ke oni plimalaltigu la kotizaĵon. Ŝajnas, ke la nuna takso estas taŭga kaj devas esti konservata por 1910. Rilate al la Esperantiaj entreprenoj, Sro Rousseau proponos 2 $ por tiuj, kiuj havas Esperantistan karakteron, kaj 3 por la aliaj.

Sro *Kandt*, komerca fakestro, proponas 3 $ por entreprenoj kun Esp-ista karaktero kaj 5 $ por la aliaj. Se niaj servoj estas gravaj, nenia firmo hezitos pagi 5 $ jare, eĉ pli multe; se la servoj estas malbonaj, kontraŭe, eĉ 2 $ estas tro.

Sro *Blaise*, Komitatano, apogas la opinion de Sro Kandt. Li proponas respektive 5 $ kaj 3 $. Parto estus difinita al la Del. — Sro *Mudie* proponas akcepti kaj rezervi 1/4 por la varbinto. La Esp-istaj societoj pagus nur 2 $. — Sro *Braga* (Del. Oviedo) proponas 1 $ por membroj, 3 por societoj Esperantistaj kaj 5 por firmoj; 1/3 por la Del. La diskuto estas finita. Je la voĉdonado, la kotizaĵo da 36 Sd. par membroj estas akceptata. Por Esp-iaj entreprenoj, la kunveno proponas 2 $ por la entreprenoj kun Esp-ista karaktero (kun la hoteloj) kaj 5 por la firmoj kaj Institucioj neesperantistaj. El la 5 $ la 1/4 estas rezervata por la Konsuloj. Sekve la deziresprimo submetota al la voĉdonado de la Del. estas jena :

§ 1. — La Kotizaĵo de la membroj por 1910 estas fiksita je 36 Sd.

§ 2. — La kotizaĵo de la Esperantiaj entreprenoj por 1910 estas fiksita je 5 Sm. el kiuj 1/4 estos konservata de la Del. kaj uzota laŭ la instrukcioj de la Komitato.

La Esperantiaj entreprenoj, kiuj havas Esperantistan karakteron, (grupoj, gazetoj, hoteloj) pagos nur 2 Sm.

Ĉiuj tiuj proponoj aperos en la proksima Oficiala Bulteno kaj estos submetataj al la voĉdonado.

III. Sro *Hodler* raportas pri diversaj ricevitaj proponoj, nome :

Propono de Sro *Ballimann* (Konsulo Parizo) por kreo de komerca komisio. Favore akceptata kaj resendata al la komerca fakestro, kiu ĉiam povas aldoni al si helpantojn kaj konsilantojn.

Propono de Sro *Reach* (Del. Woerishofen) pri la kreo de fako Arto kaj Etnologio. Ĝi estas resendata al la Komitato por plua studado kaj korespondado kun ĝia aŭtoro.

Sro *Rudnicki* (Del. Krakow) bazante sian opinion sur propra sperto, plendas, ke Del. ofte ne respondis liajn enketojn kaj petojn. Ili ne estis akompanitaj de marko, sed tamen li konsideras, ke Del. havas la devon respondi ĉiujn petojn de la Del., kiuj utilas al la Esp. afero. — Sro *Sabadell* (Del. Barcelono) plendas, ke li iam ricevis petojn maloportunajn, kiuj postulas multe da klopodoj, eĉ iafoje vojaĝoj. — Sro *Rousseau* respondas, ke la Del. estas devigataj respondi nur la leterojn, kiuj havas markon por la respondo, eĉ senditajn de Del. Oni efektive ne povas postuli pli de ili. Se peto estas neefektivigebla, la Del. havas la devon informi la petinton pri tio, se ĉi tiu faris sian peton konforme al la regularo. Parolas ankoraŭ pri detalaj punktoj koncernantaj respondon. S-roj *Carles, Rousseau, Caron, Brunet.* — Sro *Istel* (Ŝubdel. Wiesbaden) faras varman alvokon pri la centra kaso de U. E. A. Pro la malfrua horo, la aliaj demandoj estas resendataj al la Komitato.

IV. Sro *Hodler* anoncas, ke por la proksima kunveno li ricevis inviton el la Del. de *Augsburg* (Bavarujo). Tiu urbo tre volonte akceptus la Esp-ianojn la proksiman jaron (ĉar la ĝenerala Kongreso okazos en Usono) kaj en ĝi troviĝas ĉiuj elementoj por fari sukcesan kunvenon.

Dro *Kandt* tre aprobas la proponon. Estas tre dezirinde, ke U. E. A. povu havi siajn apartajn kunvenojn, kie oni povos vere labori. En la ordinaraj Kongresoj tute mankas la tempo, kiel ekzemple tiun jaron. Ekzistas personoj, kiuj venas kunvenon ne por amuzi, sed por labori. Ĉi tiujn ni bezonas kaj devas kontentigi.

Sro *Mudie* opinias, ke la demando estas delikata. Kunveni aliloke ol en la ĝenerala Kongreso povus naski naciajn demandojn kaj estas necese esti tre singardema en tiu rilato.

Fine, la Kunveno, esprimin te sian dankon pro la invito, resendas la demandon al la Komitato, kiu decidos laŭ § 20 de la Regularo.

IV. S-roj *Jabœuf* (Del. Lyon) kaj *Rudnicki* (Del. Krakow) estas elektata kiel kalkulkontrolantoj.

Je 5 k. 1/2 la kunveno estas finita.

### Novaj Subdelegitoj

ALEKSANDROPOL (Rusujo). — Sro R. Kullanda.

BIARRITZ (Francujo). — Sro J. Canion (rue Olivier, 21).

CALCUTTA (Hindujo). — Sro C. S. Middlemios (27 Chowrnighee Rd).

FRAUENFELD (Svisujo). — Sro P. H. Schellenberg.

INNSBRUCK (Tirolo). — Sro Fr. Simbriger (Claudiastr. 22. II).

LEIDEN (Holando). — Sro Elbero (Rins-Hendrik plein 6).

MESSINA (Italujo). — Sro Cheneval (Inĝenieroficejo « Tierrobelon »).

NIAGARA FALLS (Usono). — Sro A. H. C. Wowers (B. Buttrey St.).

OLOMUC (Moravio, Usono). — Sro Dro J. Kubiĉe.

PORTSMOUTH (Anglujo). ¦ Sro L. Wight (22 Wallaee Rd).

REVAL (Rusujo). — Sro J. Rosenberg (Bladimera Str. 24).

SEC (Bohemujo, Aŭstrio). — Sro R. Ŝmejc-

SHELDON (Iowa, Usono). — Sro A. W. Boach (313 North St.)

STOCKHOLM (Svedujo). — Sro H. Josefson (Agnegatan 27).

SAINT-PAIR-SUR-MER (Franeujo). — Sro Liebord (Villa Esperanto).

TIRNOVA (Bulgarujo). — Ŝro Ivan Nenkov.

TOWNVILLE (Nov-Zelando). — Sro C. S. Price.

Entute 715 lokoj kun 86 del. kaj 616 subdelegitoj.

ŜANĜOJ ; AIDIN : Sro Hulusi efendi estas nun Delegito kaj Sro Surene Artiman, vicdelegito. — BRESLAU : Sro A. Behrendt fariĝis Delegito. — KOPENHAG : Austataŭ Fino Schrœder, Sro A. B. Hansen (Es.-Of. Bredgade 35) estas Subdelegito kaj Fino L. Hœst, vicdelegito. — LORIENT : Sro J. Lohevic estas nun Subdel., anstataŭ Sro M. Urvoy, transloĝiĝinta. — S'GRAVENHAG : Sro H. F. Pothasl (Brueghelstr. 65) estas nun Subdel. — RIO-DE-JANEIRO : Sro Israel França (Rua Alice de Figueire 26) estas nun Subdel.

# OFICIALA RAPORTO

## ĈE LA KUNVENO DE U. E. A. en Barcelono

Kara Majstro, Kara Samideanoj,

Antaŭ dektri monatoj kunvenis unuafoje la delegitoj de U. E. A. Tiam nur de malmultaj semajnoj estis kreita nia Asocio kaj kvankam jam estis starigita ĝia fundamento kaj en nia penso skiziĝis ĝia estonta evolucio, ni ankoraŭ ne sciis, ĉu la sukceso sekvos nian penadon, ĉu en la praktiko estos taŭga nia agado kaj kiel disvastiĝos la juna Asocio. Hodiaŭ, post unujara eksperimentado kaj la necesegaj instruoj de tia valora edukanto, kia estas la praktiko, ni kun plena certeco povas rigardi al la estonteco kaj nian vojon daŭrigi kun la fervoro, kiun donas akiritaj ĝojigaj rezultatoj, rigardo al preciza celo kaj scio pri la rimedoj por ĝin atingi.

Laŭ la kutimo, ni resumos la diversfakan agadon de nia Asocio dum la ĵusa jaro kaj skizos ĝian programon dum la jaro venonta.

Nia unua tasko estis la kompletigo de la organiza fundamento de U. E. A. Lastan jaron, nova regularo estis voĉdonita de la delegitoj. Laŭ ĝi, la nombro de la fakoj estis altigita ĝis sep kaj ni devis difini tiel la taskon kaj organizon de ĉiu fako, kiel ilian interrilatadon — kio estas multe pli malfacila, ol ĝi ŝajnas. Aliparte, la sperto montris al ni, speciale post la starigo de la komerca fako, ke necese estas organizi apartajn servojn por tiuj multaj firmoj, institucioj, organizaĵoj, kiuj, pro sia celo, estas direkte interesataj en la vivo internacia, kaj doni al ili en nia Asocion lokon konforman al ilia rolo kaj graveco. Fariĝis ankaŭ necese defini, en maniero regula kaj laŭleĝa, la rilatojn, kiuj, laŭ la Esperantia vidpunkto, devas, ekzisti inter la diversaj organoj de nia movado, tiel ke ĉiu el ili havu propran al si taskon kaj inter ili estu tia harmonia kunlaborado, kiu estas necesega por ĉia socia penado. Ni do proponis oficiale akcepti en nian Asocion ne nur individuojn, sed ankaŭ instituciojn, grupojn, ĉiuspecajn organizaĵojn, sub la nomo *Esperantia entrepreno.* Tiuj proponoj estis akceptitaj de niaj Delegitoj per granda plimulto. Laŭ ili, ĉiu Esperantia entrepreno, interŝanĝe de speciala kotizaĵo, rajtas uzi difinitajn servojn de nia Asocio starigitajn speciale por ili, kondiĉe ke interne de U. E. A. ili uzu ĝian oficialan lingvon. En malmultaj monatoj jam aliĝis pli ol 80 Esperantiaj entreprenoj k. e. gazetoj. institucioj, hoteloj, firmoj, k. a. Kelkaj el ili estas tre gravaj, kiel la tutmonda vojaĝagentejo Cook, la inkfirmo Stephens, k. a., aliaj estas konataj institucioj de nia movado, kiel la Esp. ĉekbanko, Esp. propagandejo, k. a. Fine, jam kelkaj grupoj kaj societoj esperantistaj aliĝis kiel Esperantiaj entreprenoj kaj uzis la servojn de nia Asocio por diskonigi sian regionon kaj esti enskribataj en la Jarlibro de U. E. A.

Alianke, laŭ la sama spirito, ni konsideris, ke la grupiĝon de Esperantianoj, interne de U. E. A., devas ankaŭ havi oficialan lokon en ĝi. Por tio estis kreitaj la tiel nomataj *Esperantiaj Asocioj.* Estas Esperantia Asocio ĉiu organizaĵo, kies ĉiuj aktivaj membroj estas samtempe membroj de U. E. A. Kiam tiu membraro superos difinitan nombron, la Esperantiaj Asocioj estos reprezentataj en la Alta konsilantaro de nia asocio — kio donos al ĝi partoprenon en ĝia gvidado. Nuntempe ekzistas 12 Esperantiaj Asocioj kaj ni estas certaj, ke tiu nombro rapide pligrandiĝos, ĉar tiu organo respondas veran bezonon. Multaj estas efektive la grupoj kaj societoj, kiuj pro praktikaj kaŭzoj preferas aliĝi ĉiujn siajn membrojn al U. E. A. Farante tion ili ne nur pligrandigas nian membronombron, sed ankaŭ donas oficialajn rajtojn al sia grupo interne de U. E. A. Fundamenta estas, laŭ ni, la kreo de Esperantiaj entreprenoj kaj Asocioj, ĉar ĝi permesas interne de nia Asocio kunigi unuecon kaj liberecon — unueco, ĉar ĉiuj tiuj grupiĝoj apartenas al sama organizaĵo — libereco, ĉar ĉiuj tiuj grupiĝoj rilate al sia celo restas absolute memstaraj.

Alia tasko de la administra fako estis la publikigo de eldonaĵoj rilataj al niaj servoj. Ĉiuj ricevis neatendite favoran akcepton de nia membraro. El ili plej grava estas la Oficiala Jarlibro, necesega al ĉiu, kiu deziras uzi la servojn de nia Asocio.

Jam estis presitaj kvar miloj de tiu verko kaj apenaŭ unu serio aperis, tuj ĝi elĉerpiĝas. Tio pruvas, ke oni uzas la servojn de nia Asocio kaj bezonas fidindan dokumentaron. Per la kreo de Esperantiaj entreprenoj kaj asocioj, nia Jarlibro ricevis grandan amplekson. Efektive, ĉiuj tiuj organoj estas surnotitaj kun la nomaro de sia estraro — kio jam por ili estas ŝatinda utilo.

Por niaj delegitoj, subdelegitoj kaj konsuloj, ni ankoraŭ aperigas oficialan Bultenon, speciale kiam estas voĉdonado aŭ nova klopodo. Nia oficiala duonmonata gazeto ricevis ankaŭ pligrandiĝon kaj diversajn plibonigojn.

Fine, por diskonigi nian Asocion, ni komencis la eldonadon de propagandaj broŝuroj nacilingve redaktitaj, kiujn povos uzi niaj membroj ne nur por propagando, sed ankaŭ kiel planon por parolado aŭ gazetartikolo pri U. E. A.

Sekve de la granda vendado de niaj eldonaĵoj ni devis, ne sen malfacilaĵoj, hodiaŭ venkitaj, reorganizi nian ekspedan subfakon, kiun ni kunigis kun la reklama subfako.

Ĉar ni aludis pri propagando, ni citu la fakton, ke multaj el niaj Delegitoj tre fervore kaj konstante propagandis por nia Asocio, speciale per gazetartikoloj kaj paroladoj — kio memkompreneble estas tute rekomendita. Ĉiuj ricevis profiton el la nova agado, kiun ebligas U. E. A : t. e. propagandi Esperanton ne por ĝi mem, sed por la servoj, kiujn ĝi faras.

La nombro de niaj reprezentantoj pligrandiĝis en plej ĝojiga maniero. En la pasinta jaro ni havis 206 Delegitojn kaj 91 subdelegitojn en 240 urboj de 44 landoj. Je la fino de Aŭgusto 1909, ni havis 85 delegitojn; 125 vicdelegitojn, 620 subdelegitojn en 695 lokoj koj 44 landoj. Konstante kreskis aliparte la nombro de niaj membroj. Ĝi atingis 1.000 antaŭ unu jaro; ĝi nun superas 4.600, t. e. preskaŭ kvinobliĝis en unu jaro — rezultato, pri kiu ni devas danki kaj tutkore gratuli ĉiujn niajn reprezentantojn, kiuj neniam ŝparis sian penadon kaj fervoron. Ankaŭ en administra fako devas esti citata la internacia mondonacado, kiun U. E. A. organizis inter siaj membroj okaze de la malfeliĉego, kiu frapis Sicilion kaj Kalabrion. Kvankam rapidege organizita, ĝi produktis sumon da 500 $ — klara pruvo pri la sento de solidareco intergenta, kiu kunligas niajn membrojn kaj estas la animo mem de nia Asocio.

La antaŭaj laboroj koncernas plejparte la administran fakon. Ni nun resumos la agadon de la ceteraj fakoj, kiuj pli speciale rilatas al la uzado mem de U. E. A.

*Konsuloj.* — La nombro de niaj konsuloj, t. e. fakaj helpantoj de la Delegitoj, altiĝis de 200 ĝis 460 el kiuj 52 por ĝeneralaj informoj, 145 por komerco, 105 por Junuloj, 11 por Maristaj aferoj kaj 145 konsulinoj por virinoj.

Ĉiuj konsuloj ricevis rajtigajn kartojn, kiuj permesas al ili oficiale interrilati kun la necesaj lokaj aŭtoritatoj kaj institucioj por ricevo de la informoj, postulatoj de niaj membroj kaj entreprenoj.

*Esperanto-Oficejoj.* — Ilia nombro atingas nun 154 el kiuj 68 plene organizitaj, anstataŭ 62 entute la lastan jaron. En la plej granda parto de ili oni parolas Esperante. Ni plezure konstatas, ke oni ĉie pli kaj pli komprenas la utilon de tiu organo. Definitive organizi kaj provizi ilin estos unu el niaj ĉefaj taskoj dum la venonta jaro.

*Turismo.* — En la celo plifaciligi al niaj membroj la viziton de la lokoj, kie ĝi havas reprezentantojn, laŭ propono de Sro Cazeaux, kiu diligente okupiĝis pri tio, U. E. A. komencis la eldonadon de gvidfolioj. Tiuj gvidfolioj, enhavantaj ĉiujn informojn necesajn por la vojaĝantoj Esperantianoj, estas pagataj de la loka grupo — laŭ tiu principo, ke la grupoj ankaŭ celas konigi sian lokon, per Esperanto sed — ĉar la vojaĝantoj estas Esperantianoj — ili estas eldonataj de U. E. A. Jam 25 gvidfolioj estis eldonitaj; aliaj prepariĝas. Ni tre esperas, ke la proksiman jaron, ĉiu loko posedos sian gvidlibron, kiun ili disdonigos per la reklama subfako.

La turisma fako komencis klopodon por ke en ĉiu grava loko estu Esperantia hotelo, t. e. hotelo ĉe kiu iu parolas Esperante. Sekve de la klopodoj de niaj Delegitoj ekzistas nun 20 hoteloj — cifero ja modesta, sed iom kreskonta, per nia agado, kiu en tiu rilato devas esti ĉiam proporcia kun la rezultatoj atingataj en aliaj fakoj, kaj ne celi pli ol povas esperigi la kresko de la klientaro. Kiel la lastan jaron, tiu fako prizorgis la alcentrigon de la informoj pri vojaĝoj al la kongresurbo.

*Komerco.* — Grava estas la tasko de tiu fako kaj sennombraj la servoj, kiujn ĝi povos fari, sed ni komence devis nin limigi per la plej urĝaj kaj facile aranĝeblaj. Ni unue starigis fidindan komercan konsularon, necesan por la liverado de informoj, kaj poste difinis la specialajn servojn al la Esperantiaj entreprenoj. nome servo de juraj informoj, servo de perado por reklamo, kaj precipe reklama subfako, kiu tuj organizata komencis funkciadi por diversaj el niaj entreprenoj, kiuj alte taksis la valoron de U. E. A. por diskonigi siajn produktaĵojn aŭ sian regionon.

Alia subfako estis difinita por ekspozicioj kaj ankaŭ donis bonajn rezultatojn. La Internacia Ekspózicio de Bologna uzis la servojn de nia Asocio por reklamo en la ĉiulanda gazetaro. Nia Asocio ricevis tie por la organizo de Esperanta fako grandan premion kaj oran medalon; aliaj ekspozantoj Esperantistaj aŭ per Esperanto ankaŭ ricevis rekompencojn.

*Junuloj.* — Komence de l'jaro, la junula fako per la Delegitoj sendigis al la direktoroj de lernejoj leteron por atentigi ilin pri la servoj, kiujn prezentas U. E. A. al la gejunuloj, kiuj deziras veturi fremdlanden ĉu por tie fini siajn studojn, ĉu por trovi oficon, ĉu por konatiĝi kun la enlandaj kutimoj kaj labormetodoj. Tiu letero estis favore akceptita en 40 lokoj kaj el ili rezultis 45 kursoj por gejunuloj, kiuj kalkulis 1300 partoprenantojn — pruvo de la sukcesoj, kiujn povas atingi samtempa internacia agado. Kelkaj el tiuj junuloj aliĝis al U. E. A. kaj poste uzis ĝiajn servojn por sia propra profito. El la sama vidpunkto, U. E. A., laŭ la deziresprino de donacinto, donacis al la Esperantista Federacio de Burgonio la sumon da 80 $ por la junulo, kiu plej bone plenumos Esperantan ekzamenon. Per tiu sumo la junulo vojaĝos kun la helpo de niaj Delegitoj tra urboj fremdlandaj kaj tiel unuflanke uzos niajn servojn kaj praktike spertos la utilecon de U. E. A.. aliflanke lernos konatiĝi kun fremdlando, laŭ la larĝa spirito de Esperantismo. Ni ankaŭ citu la vojaĝon de Svedaj junaj Esperantianinoj, organizitan de nia Delegito en Helsingborg. Ĉiuj tiaj iniciatoj meritas helpon kaj subtenon, ĉar ĉiuj estas konformaj al nia agado kaj al la spirito de Esperantio.

Jen tre maldetale resumita en ĝiaj esencaj punktoj, nia agado dum la ĵusa jaro. Jam ĝojigajn rezultatojn ĝi produktis. Krom tiuj jam cititaj, konsiderinda estas la nombro de la personoj, kiuj uzis la servojn de nia Asocio, ĉu dum vojaĝo, ĉu por havigo de ĉiuspecaj informoj; tion atestas la raportoj de la Delegitoj. Multaj estas la firmoj, kiuj praktike uzis kun sukceso la diversajn servojn de Esperantio. Cetere, la fakto ke dum la jaro nia komitato ricevis por U. E. A. pli ol 12.000 leteroj kaj korespondaĵoj, pli bone ol ĉio, montras la lokon, kiun ĝi okupas en Esperantismo. En ĉi tio kuŝas la ĉefa karakterizo de la lasta tempo. Al ĉiu nia klopodo respondas faktoj, kiuj permesas al ni senĉese korekti kaj plibonigi niajn servojn, laŭ la postuloj de la pratiko : konstante kunlaboras pensado kaj agado.

* * *

La agado plenumita jam liveras al ni por la estonteco gravan materialon por laboro. Ĝi efektive estos daŭrigata kaj kompletigata, sed por ke oni uzu ĉiam pli multe niajn servojn, estas necese, ke nia Asocio estu konata de la interesataj rondoj. En la celo pligrandigi la propagandon por U. E. A. ni intencas proponi en ĉiu grava regionaro la starigon de ĉefdelegitoj, kiuj havos precipe propagandan rolon. Ni daŭrigos eldoni niajn propagandilojn en diversaj lingvoj kaj organizi plenan kaj bone provizitan paroladistaron de U. E. A., necesegan por enradikigi U. E A. en ĉiuj rondojn. Por faciligi al niaj membroj la akiron de nia Esperanta verkaro kaj instigi la legadon de ĝi ni proponas krei librejan servon, kiu estos organizata, tiel ke ĝi uzos la perecon de la Esperanto-Oficejoj kaj nedubeble multe utilos al ĉiuj Esperantianoj. Al ĝi estos aldonata biblioteko de la Esperanta verkaro ĉiufaka, kiun U. E. A. alcentrigos kaj metos al la dispono de siaj membroj. Por ĝi ni jam ricevis riĉan materialon.

Uzante la montrojn de la pratiko, ni difinos precizajn regularojn de niaj servoj, speciale pri la rajtoj kaj devoj de niaj reprezentantoj de niaj membroj unu rilate al la alia.

En komerca fako ni penos pligrandiĝi la nombron de la firmoj uzantaj la servojn speciale novan subfakon por dungado, kiu jam nun povis esti tre utila. La raportoj de la komercaj konsuloj liveras bonan fundamenton por ĝenerala komerca raportaro, kiu pro sia internacieco estos uzebla de niaj entreprenoj. Fine, ni instigos la eldonon de komercaj gvidfolioj kaj komercaj grupoj, kiuj celos diskonigi el komerca vidpunkto sian regionon per U. E. A.

La turisma fako daŭros sin okupi pri starigo de Esperantia hotelaro kaj eldonado de gvidfolioj. G ekzamenos la demandon pri eldonado de allogaj gvidlibroj, laŭ la samaj principoj. Gi penos organizi ekskursojn kaj libertempajn koloniojn por Esperantianoj kaj la vojaĝon al la venonta kongreso. La junula fako siaflanke rekomencos la jamcititan klopodon al la direktoroj de lernejoj kaj zorgos, ke en la fino de tiuj kursoj la junuloj tuj povu uzi U. E. A. Ni intencas ĉiujare difini al Esperantista federacio, kondiĉe ke ĝi estu Esperantia entrepreno aŭ asocio, premion por junulo vojaĝonta fremdlande per la helpo de U. E. A. En universitataj lokoj ni instigos la eldonon de gvidfolioj pri superaj instruaj institucioj kaj la kreon de studentaj grupoj. Laŭ la sama spirito ni, se ne mem eldonos, almenaŭ instigos la eldonadon de lernolibroj pri internaciaj temoj difinotaj por peresperantaj kursoj destinataj al tiuj junuloj, kiuj deziras kompletigi siajn studojn por praktika celo kaj por pligrandigi sian horizonton; embrio de tiu pure internacia kaj neŭtrala kulturo, kiu estas necesa por ke Esperanto povu sukcesi.

* * *

Karaj Samideanoj,

Grava estis nia ĝishodiaŭa laboro; pli grava kompare kun nia idealo, estas nia laboro estonta, sed ni ne dubas, ke ni ĝin iom post iom plenumos, se ni posedas bonajn kunlaborantojn. Bonaj kunlaborantoj, tio estas, homoj konsciantaj pri la grava signifo de nia Asocio kaj la principoj, kiuj lumigas ĝian iradon; homoj neŝanceble ligitaj kun Esperantismo, ĉar ili komprenis, ke en Esperantismo estas esence moderna movado, kiu al la homaro alportas ne nur la finon de la lingva malkompreno, sed ankaŭ la finon de multaj aliaj baroj, malkonsentoj kaj antaŭjuĝoj; homoj kiuj amas Esperantismon ĉar ĝi plilarĝigis ilian kulturon kaj donis al ili profiton tiel moralan kiel materialan; homoj, kiuj scias kunigi penadon kun agado, komprenon kun apliko. Ekzistas tiaj homoj en nia grandiĝanta armeo. Nombre kalkulitaj ili estas ankoraŭ malmultaj kaj ilia izola agado senorda restus senfrukta, sed kunigitaj en harmonia organizaĵo, kiu uzos ĉiun laŭ lia specialeco, kiu ĉiel penos plimultigi la rilatojn inter ili, tiel ke ilin kunplektu fortikaj ligiloj de solidareco, tiuj homoj fariĝas socia forto de nekomparebla potenco; sed siaflanke tiu organizaĵo vivos, nur se ĝi havas difinitan idealon kaj klaran celon. Esperantio estas en tiu situacio : Ĝia idealo estas la idealo mem de Esperantismo : krei tiun neŭtralan fundamenton sur kiu komunikiĝos senaltrude tiuj homoj kies rigardo celas trans la ĉiam pli mallarĝaj limoj de ilia lando aŭ sekto; serĉi inter la homoj kaj la popoloj tion, kio estas komuna kaj pure homa, kaj al ĉi tio doni konstantecon per starigo de organizaĵo, kiu konkretigos tiujn principojn kaj per tio ilin enradikigos en ĉiun sian membron.

Ni estas konvinkitaj, ke al ni ne mankos tiaj kunlaborantoj, ĉar en nia movado estas neelĉerpebla fonto de energioj, sindonemeco, bonvolo kaj agado. Kunlaborantoj estas ne nur niaj reprezentantoj kaj proksimaj helpantoj, sed ĉiuj niaj membroj, ĉiuj, kiuj komprenante Esperantion penas ĝin uzi en sia ĉiutaga vivo kaj disvastigi ĉe la ceteraj homoj. Per ilia kunpenado, konstante gvidata de la alta celado de Esperantismo, Esperantio nepre vivos kreskos kaj floros.

H. HODLER,
*Vic-prezidanto de U. E. A.,*
*Administra fakestro.*

# INTERNACIA INSTITUTO de Esperanto

**19 Strato, Pont d'Arve, ĜENEVO**

*OFICIALA INFORMILO*

**Ekzamenoj.** — La rakonton pri la solena kunsido de l'Instituto en Barcelono oni trovis en la lasta no de *Esperanto* ĉe la kongresa kroniko. Tie oni ankaŭ trovos la nomaron de l'internacia juĝantaro, kiu ekzamenis niajn kandidatojn por la IIa kaj IIIa diplomoj. Ni esperas ke baldaŭ ni povos publikigi raporton ĝian kun ĝeneralaj rimarkoj pri la ekzamenoj en la diversaj fakoj.

Jam de nun ni povas antaŭvidi ke speciale interesaj estos la raportoj pri fakoj *Literaturo, Historio kaj organizaĵoj de esperantismo.* Ĉe ambaŭ tiuj fakoj la notoj estis ne bonaj kaj la ekzamenintoj plendis, ke la kandidatoj sin prezentas kvazaŭ ili estus legintaj preskaŭ nenium libron aŭ gazeton esperantistan krom lerno libro aŭ ekzercaro.

Laŭ la dato montrita de ili, ĉiuj kandidatoj parole ekzamenitaj en Barcelono baldaŭ ricevos la demandojn por la skriba ekzameno. Ni rekomendas, ke ili serioze laboru por ambaŭ supre nomitaj fakoj. Por tio, ili profitu la tempon ĝis la ricevo de la demandoj por *legi* verkojn de nia literaturo kaj esperantistajn gazetojn. Ĝi estas la plej bona maniero lerni samtempe pri nia verkaro kaj nia movado. Jam estis klarigate en Barcelono, ke niaj ekzamenoj estas tute malsamaj de la nacisocietaj ekzamenoj. Ĉe ni tute ne sufiĉas, ke oni sciu bone traduki kaj korekte klarigi pri gramatiko. Oni devas koni nian lingvon *en ĝia literaturo kaj en ĝia historio,* laŭ la teksto mem de niaj diplomoj.

Por faciligi la taskon de l' prepariĝantoj, nia ĝenerala sekretariino, S-ino Milsom, organizis korespondan kurson pri tiuj du fakoj.

**Direkcio.** — Ĉar la laboro de nia ĝenerala sekretariino, fariĝis tro granda, ni elektis por ŝin helpi S-ro EDMOND BOUVIER, sekretariokasisto de l'Instituto. S-ro Bouvier estas unu el la plej lertaj svisaj esperantistoj, specialisto pri lingvaj aferoj. Al li ni deziras koran bonvenon en nia oficejo.

**Ekzamen komitato.** — Oni scias, ke ĉiujn ekzamenajn skribaĵojn ekzamenas speciala juĝantaro konsistanta el diverslandaj esperantistoj se eble loĝantaj Ĝenevo.

Ni havas la grandan plezuron anonci ke D-ro J. OSTROVSKI, la konata rusa pioniro de nia afero, restos ankoraŭ tiun ĉi vintron kun ni. Li bonvolis akcepti la prezidantecon de tiu komitato. Pro lia estinta kaj estonta afabla helpado ni lin tre sincere dankas.

**Helpa konsilantaro.** — S-ro Ant. GRABOVSKI, el Varsovio, la unua esperantisto en Polujo, kaj la famekonata esperanto-verkisto, bonvolis akcepti la prezidantecon de nia internacia Helpa Konsilantaro. Sinceran dankon.

**Dankoj.** — Ĉar finiĝis por ni nova jaro de laboro kaj komenciĝas alia, ni deziras diri nian tre sinceran dankon al nia ĝenerala sekretariino, S-ino Milsom, kiu tiel sindoneme kaj malavare laboradis por la Instituto, kaj al niaj diverslandaj samideanoj, kiuj bonvolis ekzameni niajn kandidatojn en Barcelono dum la kongreso aŭ en aliaj urbaj dum la vintro. Al ĉiuj tutkoran dankon.

# ESPERANTIA VIVO

En ĉi tiu rubriko ni konigos ĉiujn informojn, kiuj povas interesi Esperantianojn, plimultigi la ligilojn inter ili kaj plifaciligi ilian interrilatadon, kiel anoncoj pri naskiĝoj, vojaĝoj. Ni petas ĉiujn niajn membrojn, ke ili bonvolu kunlabori al ĉi tiu rubriko, kiun memkompreneble estas tute senpaga, per alsendo de la necesaj informoj.

*Morto :*

Nia fervora Subdelegitino en Kopenhago, F-ino Schroeder, kiu ĵus estis akceptinta anstataŭi S-ron Skeel Giorling en la agado por U. E. A., estis viktimo de mortiga monta akcidento, ĝuste kiam ŝi veturis Barcelonon. Ĉe la Kongreso D-ro Zamenhof rememorigis pri ŝia fervora agado. Ni esprimas al ŝia familio niajn respektplenajn kondolencojn.

*Translokiĝoj :*

S-rs King, Del. en New-York, loĝas nun 167 Clinton Ave. Brooklyn.

S-ro Genermont, Subdel. en Moulins, forlasos momente tiun urbon ; oni tamen ĉiam povas skribi al tiu adreso.

*Libertempoj :*

Ges-roj Zamenhof, post sia longa vajaĝo al Barcelono, ripozas nun en Bad-Reinerz (Silezio) kun siaj geinfanoj.

*Vojaĝoj :*

Multenombraj estas la personoj, kiuj travojaĝis Eŭropon post Barcelono kaj uzis la servojn de U. E. A. Ĉiuj deklaris, ke ili estas tute kontentaj. Multaj Delegitoj en sia raporto anoncas tiujn trapasojn. Kiel dirite en lasta No, ili ne forgesu konigi al ni la nomojn de tiuj trapasantoj.

*Distingoj :*

Nia majstro D-ro Zamenhof, post la Barcelona Kongreso, ricevis la honorigan titolon *Komandoro* de la reĝa ordeno. Ni sendas al li niajn tutkorajn gratulojn pro tiu distingo, kiu pruvas la gravan intereson, kiu ekscitis ni Kongreso en Hispanujo.

*Ĉe la Oficejo de Esperantio :*

Pro pligrandiĝo la Oficejo de U. E. A. translokiĝis 10, rue de la Bourse, *Genève,* kie ĝi havos tri grandajn ĉambrojn por fako administrado kaj kreota libreja servo. La redaktejo de ESPERANTO kaj la Scienca Oficejo ankaŭ translokiĝis al la sama adreso. En Genève kvin personoj laboras nun konstante pri U. E. A. kaj ESPERANTO, du ĉe la Scienca Oficejo kaj unu ĉe la Instituto. Entute ok ĉiutagaj Esperanto-laboristoj.

# IXa LISTO de ESPERANTIANOJ

*kiuj pagis por 1909*

SOSNOVICE (47 56.4). — D. A. ZWORZYANSKI. — 1. T. Zakrzevski ; 2. M. Pavejski ; 3. S. Kozlovska ; 4. S. Kozlovski ; 5. V. Andryszevski ; 6. F-ino S. Brzenczkovska ; 7. S-ino K. Tvorzyanska ; 8. P. Durevicz ; 9. F-ino L. Domanska ; 10. V. Rrainski ; 11. K. Karmanski ; 12. V. Tomczak ; 13. L. Falkovski ; 14. V. Piontek ; 15. J. Trepka ; 16. L. Dadler ; 17. M. Rabsztyn ; 18. R. Fejst ; 19. S-ino Brzenckovska ; 20. T. Jamrocha ; 21. J. Novinski ; 22. W. Iasinski.

. . . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 22.*

# ANONCETOJ

## TARIFO

KORESPONDADO. — *Unu enskribiĝo* $ 0.30 *(fr. 0.75). Rabato da 25 % por 6 enpresoj, kaj 50 % pour 12 enpresoj.* — PI = *poŝtkartoj ilustritaj*; L = *leteroj*; PM = *poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas unu senpagan enpreson.*

PETOJ & PROPONOJ; KOMERCAJ REKLAMOJ. — *Unu linio (40 literoj* : $ 0.10 *(fr. 0.25). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas unu trilinian anonceton.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

## Korespondado

BELTRUM-AP/GROENLO (Holando). — S^ro C. G. Sterhenburn. L. PI. PM.
OSTRAVITZ (Meravio-Aŭstrio). — S^ro K. Ratzka.
RIO-DE-JANEIRO (Braailujo). — S^ro R. Dias de Oliva, rua da Quitanda, 48 PI.
UFA (Rusujo). — S^ro N. Foss, veterinaro, PI. L.
VITORIA (Hispanujo). — S^ro J. Codina, Nova Katedralo. PI.
ZARAGOZA (Hispaujo). — S^ro A. Casanova, PI. S. Miguel 13.
MILWAUKEE (Usono). — S^ro S. W. Chamberlin, 416 East Water Sp.
VLADIKAUKAZ (Rusujo). — S^ro J. Nesferovskij, 19 Červlenaja. PI.
BARCELONO-GRACIA (Hispanujo). — S^ro A. Torne, Str. Laurel II. PI.
BUKAREST (Rumanujo). — S^ro E. Nicolescu, poste restante 356.
PECKA (Bohemujo, Aŭstrio). — S^ro L. L. Vonka. N. 189. PI.
CINCINNATI (Usono). — S^ro Grover Peacook. 3449. Wilson Ave. PI.
ARTA (Grekujo). — S^ro D. Konstantopulos. PI.
WAUWATOSA (Wiŝconsin, Usono). — S^ro James Grantham. PK. L.
AIDIN (Azia Turkujo). — S^ro Mickel Beïnoğlous, Régie Tabacs. PM.
M. OSTRAVA (Moravio, Aŭstrio). — S^ro Stan. Palkovsky, PM.
LYNCHBURG (Va, Usono). — S^ro G.-H. Appleton.
OFFENBACH A/M (Germanujo). — S^ro Amm, Eisenbahnstr. 28. PI. PM.

## Petoj kaj Proponoj

**Financoj.** — Personoj dezirantaj deponi siajn kapitalojn kun plena garantio en Rusujo por 8 % jare, volu sin turni laŭ adreso : S-ro Vladimir Krajev, Tchernajevkaja, 14, *Tachkent* Sir Dariinskoj oblasti, Rusujo.

**Bonvenantoj en Munĥeno!** — La Munĥena Esperantista grupo konatigas, ke ĝiaj regulaj vesperkunvenoj okazas ĉiusemajne ĉiun lundon en la hela restoracio « Altes Hackerbräuhaus », Sendlingerstrasse N 75, kuŝanta en la centro de la ĉefurbo. Vizitoj de Esperantistoj ĉiam estas *tregre* dezirataj.

**Cosmopolitan Correspondence Klub.** — Granda internacia Klubo pri korespondado, kolektado k. t. p. — 7,000 membroj en la tuta mondo, belega ilustrata revuo en 4 lingvoj kun esperanta fako. Pri informoj aŭ aliĝiloj skribu al T. Zilliken, Societa Bancaria, Genovo, Italia.

**Studento.** — Esp. organo de studentoj aperonta en septembro 1909 serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj. Jarabono 1 $ (pagita antaŭ 1 sept. nur 0.75 $). Adreso : *Praha*, 516, K. Kuthan.

**Papilioj.** — S^ro F. Deimann (Enggasse 10, Kœln a/Rh, Germanujo) deziras korespondi pri papilioj.

**Novaj Gazetoj.** — Ĉiu eldonanto de nova Esp-ita jurnalo (eĉ de kluba jurnaleto) estas urĝe petata sendi ekzempleron aŭ almenaŭ informon. Se iu bonkora Esper-isto havas malnovajn Esp-jurnalojn, kiujn li ne plu bezonas, mi tre danke ricevus ilin donace. S-ro H. Bailey, 31, Caversham R^d, Kentish Town London, Anglujo.

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvoj.** — En Morges (Franclingva Svis.) apud la mondfama Ĝeneva Lago ; belega vidajo ; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso : F^no A. Richardet, Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp. Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

**Oficq.** — S^ro P. K. Geier (Herrengasse 7, *Graz*, Aŭtrio), Del. de U. E. A. 23 jara, studinto, gvindanto de la Esp.-Oficejo en Graz, serĉas oficon en ia oficejo, ankaŭ eksterlande. Li estas sperta en la germana lingvo kaj ankaŭ posedas ateston pri kapableco por Esperanto. Oni sin turnu al li.

**Korespondantaj.** — Studentoj de granda lernejo serĉas Esp. Korespondantojn en Rusujo, Rumanujo, Italujo, Hispanujo, Hindujo, Shangai kaj Japanujo pri Komerco, Literaturo, Religio, Politiko, k. c. *Respondu al « Esperanto ». Queen's R^d, Eng. School L. C. C. Dalston. London. N. E.*

**Ĥemiisto-Eperantiano** serĉas laboron Preferinde ekster Eŭropo. Parolas Esp, Ruse, iom France, Adr. : Ĥemiisto, Red « Esperanto », Bovy-Lysberg 8, Genève.

## Komercaj reklamoj

**TRA LA FILATELIO**

Internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtmarkoj & poŝtkartoj. Jare : En Francujo 2 fr. 10, 0.80 $. En ceteraj landoj 2 fr. 50, 1 $, ĉe S-ro Fize, au Pastissou, Béziers (Francujo).

**Kovilo** sekigantaj « Perfekta » je varma aero kaj aŭtomata reguligilo ; maksimuma produktado, lastaj perfektigoj ; Katalogo ricevebla de J. Pascarel. Tours (Francujo).

**Oni aĉetas** diversajn neanglajn produktajojn por revendi ; ankaŭ riprezentado de alilandaj firmoj, kiuj dez. ion vendi per aŭkcia vendo aŭ alimaniere en Granda Britajo. Bonegaj referencoj. Sin turni al Esp. Konsulejo, 21, W. Schurbberg, Bristol, Anglujo.

**Manpurigilo por ĉiu lavejo** (Esperantia entrepreno). — Ĉiu homo perdas de unu minuto ĝis unu horo ĉiutage, se oni ĝin ne posedas.

Inter eminentaj Esperantistaj skribas pri ĝi Dro Pierre Corret, Versailles, Sekr. de Lingvo Internacia :

« Tre koran dankon. Estimata Samideano, por via afabla alsendo de ŝtono « Pura-Mano », kies bonegan efikon mi persone spertis k. c. »

Unu peco, 30 Sd., afrankite. Pogrande grandan rabaton.

Niles Winberg. Bengtsfors, Svedujo.

**Belaj kravatoj verdstelumitaj**, el atlaso por sinjoroj, kvin malsimilaj modeloj, de 0.50 ĝis 0.80 $.

**Riprezentado.** — Londona Agento, hav. oficejon, dez. riprez. alilandan firmon (ne alkoho!. Bonaj referencoj. — « The Ronda Agency », 87, Finsbury Pavement, London E. C.

**Esperantaj rubandoj**, N^o 70, el blanka atlaso kun verdaj steloj, por skarpoj, kravatoj, kaj ĉapeloj de sam-inoj ; la metro : 0,70 $.

**Esperantaj flagetoj**, bonegaj propagandiloj, dekdu : 1,20 $.

Ĉe S^ro B. PEYRAUD,
*41, rue de la Loire,*
**Saint-Étienne** (Francujo).

**Piedŝvito.** — Nepra kuracilo, sendanĝera por la sano. Brissonnet, apotekisto, en Loches (L. & E. Francujo). Poŝtmandata prezo : Francujo, 1 $., alilando, 1,20 $.

**Ekspeda firmo.** — Firmo Krook & Person, en Lübeck (fondita 1876). Ekspedoj precipe al Dan-, Sved-, Rusujo & Finlando.

**Silkaj esperantaĵoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., rue de la Loire, 41, Saint-Etienne, Francujo.

*Flagetoj. kravatoj verdstelumitaj* por samoj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando*, kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 0 fr. 30 (0.12 $) poŝtm. aŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustratan prezaron.

**Antaŭ ol** akiri domojn, dometojn, kampardomojn kaj ĉiuspecajn bienojn en Italujo, skribu al samideano *Luigi Scarselli*, via dell' Agnolo 48, Firenze (Italujo). Li akceptas ankaŭ *riprezentadon* de ĉiaj komercajoj.

**Muziko.** — S^ro A. Besnard, muzikeldonisto, 26, rue Antoinette, Paris, liveras ĉiujn ajn muzikajojn, el ĉiuj landoj, laŭ plej profitaj prezoj.

**Filatelistoj** por poŝtmarkoj el via lando interŝanĝe sendos poŝtmarkojn el Hispanujo kaj hispanaj kolonioj.

José Pose Villelga advokato, Bilbao (Hispanujo).

**« Esperanta Gazeto »**, Guadalajara (Mexico) Apartado 115. Direktoro : Alberto Gomez-Cruz (jr). Interesa por ĉiuj. Nepre vi devas aboni. Jara abono 0.75 $.

**Ekspozicio.** — La Grupo Esp. de Oldenburg Gr. (Germanujo), preparonte Esp. ekspozicion, petas ĝentile kunhelpon per alsendo de ĉiuspeca materialo.

**Liverantoj de Mustardo kaj Amelo al la Reĝo**

Laŭ privilegio

**J. & J. COLMAN**

(Akcia Societo)

MANUFAKTURISTOJ DE

**MUSTARDO, AMELO, BLUIGAĴO**

KAJ

**BRITA RIZFARUNO**

*108, CANNON STREET, LONDON*
*kaj CARROWWORKS, NORWICH* (Anglolando)

*Le gérant : DUVAL*
Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)

---

# Rejna Esperanto-Kolonio

**BAD-GODESBERG**

Ŝatata refreŝiĝejo sur la maldekstra bordo de la Rejno, unu horon sude de Kœln, kontraŭ la « Sep Montoj ».

*Perfekta Esperanto-organizacio* : 2 Oficejoj de U. E. A., konsuloj kaj konsulino, Esp.-pensionoj, magazenoj, policanoj, k. t. p. Tial *bonega restadejo* por Esperantistoj, haltejo por la *kongresanoj*.

La Esp. ilustr. gvidfolion aŭ specialajn informojn petu per ilustr. poŝtkarto de la KOMITATO POR REJNA ESPERANTO-KOLONIO

**Bad-Godesberg a. Rh. (Germanujo).**

## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi esta ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (60 n^o j), afrankite 2 $. Sin turni al la Administrejo (8, rue Bovy-Lysberg, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

# TOBLER'A

**bonega Svisa Lakta Ĉokolado**

# ESPERO

Kun Esperanto-Ĵurnalo ilustrita
ĈIE AĈETEBLA

# Grandaj Vinoj el Burgonjo

## MOREAU-VOILLOT

BEAUNE (Côte-d'Or-Francujo)

Firmo fondita en 1876, daŭrigita de patro al filo

**Honorindaj makleristoj estus akceptataj**

**Oni petu la prezaron esperantan**

**Granda Marko**
**« Ville de Paris »**

# INKOJ MIETTE

*gluoj likvidaj, sigeloj*

## Jules MIETTE

102, Rue Amelot, PARIS-XI

# Por la Higieno de l'tualeto

(lavajoj, higieno de l'buŝo, la haŭto, lavado de suĉinfanoj, intima higieno)

**Oni nepre rekomendas**

COALTAR SAPONINE LEBEUF

BAYONNE (Francujo)

Kiun ĝiaj antisepcaj, deterŝivaj kaj cikatrigaj propraĵoj akceptigis ĉe la Parizaj Hospitaloj.

*En la apotekejoj — Atentu la imitajojn*

# ĈASOPIS ĈESKÝCH ESPERANTISTŬ

Kun literatura aldono « *Legolibro de Bohemaj Esperantistoj* » oficiala monata organo de bohemaj Esperantistoj kaj de centra asocio.

**Bohema Unio Esperantista** (*B. U. E.*), kiu unuigas tiutempe 43 *societojn*. Ĉiu numero de tiu ĉi revuo enhavas po 20 paĝoj da plej bona teksto : artikoloj originalaj kaj tradukitaj, parto oficiala, esperanta movado en fremdlando kaj inter Bohemoj, bibliografio, adresaro de korespondantoj, k. t. p.

Jara abonpago : 3 kronoj ($ 1.50) Red. kaj Adm. : Praha II, 2023, *Ed. Kühnl.* (Rabato por Societoj).

# Germana Esperanto-Librejo

Kœnigstrasse 19 **LEIPZIG** Kœnigstrasse 19

**LIVERAS**

*ĉiujn Esperantajojn, la plej belajn, vere arĝentajn Esperantistajn signojn*

KUN LA ENSKRIBO " *ESPERANTO* "

| | |
|---|---|
| kiel pinglo, broĉo kaj butono, po | $ 0.30 |
| kiel manumbutonoj, | po $ 0.75 |

*la multe ŝatatan kaj utilegan*

**Inkosorbilon ESPERANTO sen sorba papero**

| | |
|---|---|
| po unu . . . . . . . . . . | $ 0.65 |
| sendkostoj (eksterlande) . . . . | $ 0.25 |

**Sigelmarkojn artefaritajn**

| | |
|---|---|
| po 50 ekz. . . . . . . . . | $ 0.25 |
| po 100 ekz . . . . . . . . | $ 0.35 |

Afrankite

**HAVIGAS**

ĉiujn librojn, jurnalojn, muzikajojn k.t.p. Esperantistajn kaj diversnaciajn

**PERAS**

anoncojn ĉiaspecajn por ĉiuj germanaj gazetoj k. t. p. (tradukoj senpage)

**ESTAS LA DEBITEJO DE " ESPERANTO "**

(Oficiala Organo de U. E. A.)

**Por Germanlando**

POSTULU PREZARON

# Internacia Traduka Oficejo

Akceptas mendojn je tradukoj el la plej multaj naciaj lingvoj en Esperanton. Specialajoj : Tradukoj de **Katalogoj, Prezaroj** kaj ĉiuspecaj **Reklamoj**. Pago laŭ interkonsento. Turnu vin al : BIGALKE & MOHWINKEL. Internacia Traduka Oficejo, 6, Schleinitzstrasse, **Bromberg** (Germanujo).

## JUVELEJO CARNAVALET

**M. DUFAUX, 30, rue de Sévigné**
**PARIS** — *Métro St-Paul*

Ornamitaj porcelanoj kaj fajencoj, Sèvres kaj speco Sèvres. Antikva kaj moderna, por donacoj, edziĝoj, k. a.

Oni korespondas Esperante.

MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN-

# Heilanstalt-Kuracejo

por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO

*51 Luisenstrasse* **BERLIN NW. 6** *Telefono III, 3185*

**Sekcio por lumkuracado**

Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

**Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen**

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj**

Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p.

**La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim**

Prospekto laŭ deziro — **KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.** — Du kuracistoj — Direktoro : D^r. BREIGER

**LA ĈAPELPINGLOJ POR SINJORINOJ ESPERANTISTAJ**

ONI PAGU POSTMANDATE

Estas aĉeteblaj ĉe Sinjoro E. GABERT — 10, Rue Claude-Delaroa, 10 — SAINT-ÉTIENNE (Loire) FRANCE

Prezo : Franc 0.60 S^d fr. 1.50 Lalilando 0.66 S^d fr. 1.66 afrankite

SPECIALAJ PREZOJ POR LA VENDO POGRANDE

# " NOVAĴO "

*Grava afero por ĉiulanda militistaro !*

## PATENTSPRONO KUN FLEKSEBLA KOLO

Nenia falado malsuprenirante la ŝtuparojn. Nenia diŝirado de la botoj kaj de la pantalonoj.

Post ĉiu preno la spronkolo revenas en sian iaman originan situacion.

La eltrovajo estas patentigita ĉe ĉiuj kulturŝtatoj.

Eksterlandaj patentoj estas vendeblaj.

Reprezentantoj ĉiulande dezirataj.

Ilustr. prezaroj ĉien per la forsendejoj :

Adolf. Muth, Nürnberg, Lichtengbestr. — Germanujo.

Ludwig Dollatscheck, München, Galeriestr. — Germanujo.

Hans Kriebel, Dresden, Gneisenaustr. — Germanujo.

PRESEJAJ LITEROJ MAYEUR — PARIS

# ALLAINGUILLAUME, J. SALING & C^te

GRAVUR-FONDISTOJ — POSTELUOJ

**21, RUE DU MONTPARNASSE**

ĈIUSPECAJ LITEROJ KAJ VINIETOJ

Specialajo de SUPERLITERAJ SIGNOJ

Liverantoj de ĉiuj Esperantaj literoj kaj supersignoj uzataj ĉe la presejo de U. E. A. por la kompostado de ESPERANTO kaj ĉiuj Esperantaj presajoj.

TIPOJ DIDOT

| ROMANA | | ITALIKA |
|---|---|---|
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 7 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 8 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 9 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 10 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |

$ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $

EGIPTA KORPO 8 N^o 406

ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ ◆ Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ

# UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

aŭ ESPERANTIO

**Fondita la 28^an de Aprilo 1908**

CELO : Plifaciligi la rilatojn inter diverslingvanoj kaj krei fortikan ligilon de solidareco inter siaj membroj. Por tio ĝi starigas diversajn internaciajn praktikajn servojn tuj uzeblajn de la personoj, kiuj partoprenas en la vivo internacia (Komerco & industrio, turismo, junuloj, informoj, k. a.)

ORGANIZO : En ĉiu regiono estas *Delegito* aŭ *Subdelegito*, kiuj reprezentas la komitaton, varbas membrojn kaj zorgas pri la funkciado de la servoj de la Asocio. Li laŭbezone estas helpata de diversfakaj *Konsuloj* (turismo, komerco, virinoj, junuloj, maristoj), kiuj havas la devon respondi pri sia fako ĉiujn informpetojn de Esperantianoj aŭ Esperantiaj entreprenoj. La *Komitato* estas balotata de la Delegitoj; la Delegitoj estas balotataj de la membroj.

SERVOJ : Senpaga liverado de informoj pri ĉiuj fakoj. — Helpado al vojaĝantoj. Helpado al junuloj, kiuj vojaĝas eksterlanden aŭ serĉas oficon aŭ deziras ellerni fremdajn lingvojn aŭ viziti alilandan universitaton; k. c. — Starigo de Esperanto-Oficejoj en ĉiu loko. — Reklamo kaj disdonado de reklamiloj. — Perado por reklamo kaj dungado. — Liverado de informoj komercaj kaj enketoj. — Juraj informoj. — Organizo de karavanoj kaj someraj libertempaj kolonioj. — Eldonado de gvidfolioj. — Instigo al eldonado de gvidlibroj. — Ekspozicioj. — Konkursoj, k. t. p., k. t. p.

ALIĜOJ : Ĉiu persono, kiu deziras aliĝi, informu pri tio la Delegiton aŭ Subdelegiton de sia loko (se estas nek Del., nek Subdel., li sin turnu al la sidejo de U. E. A.) kunsendante la jaran kotizajon **36 sd.** Interŝanĝe li ricevos membrokarton, kiu donos al li la rajton uzi ĉiujn servojn de U. E. A. — La grupoj, societoj, komercaj, firmoj, gazetoj, kontoroj, korporacioj, k. a., povas aliĝi kiel *Esperantiaj entreprenoj* (Kotizajo : **2 sm.**) kaj interŝanĝe rajtas uzi la specialajn servojn de U. E. A. starigitajn por ili. La grupoj, societoj, organizajoj, k. a., kies ĉiuj membroj estas samtempe membroj de U. E. A., estas *Esperantiaj Asocioj* kaj senpage ĝuas la rajtojn de la Esperantiaj Entreprenoj.

NUNA STATO : Je la 1^a de Julio, U. E. A. kalkulis 85 Delegitojn, 110 Vicdelegitojn, 560 Subdelegitojn, 465 Konsulojn, 135 Esperanto-Oficejojn, en 700 lokoj kaj 44 landoj ; ĝi havis 4500 membrojn, 68 Esperantiajn Entreprenojn kaj 10 Esperantiajn Asociojn.

## KOMITATO DE U. E. A.

D^ro L. L. ZAMENHOF, Honora Prezidanto.
H. BOLINGBROKE MUDIE, Prezidanto, London.
H. HODLER, Vicprezidanto *(Administrado*, Genève).
TH. ROUSSEAU *(Financoj)*, Dijon.
A. CARLES *(Konsuloj)*, Béziers.
P. BLAISE *(Esperanto-Oficejoj*, London.
J. SCHMID *(Turismo)*, Bern.
D^ro M. KANDT *(Komerco & Industrio)*, Bromberg.
F. ROCKMANN *(Junuloj)*, Magdeburg.

**Sidejo : 8, rue Bovy Lysberg, Genève (Svisujo).**

# OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE U. E. A.

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Deligitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo : 0,25 Sm. ; 10 ekz. 2 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka bordo, rezervita por Esperantianoj). Prezo : 0,36 Sm.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondajoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato da 20 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj : 0,70 Sm.

*Oficialaj kovertoj.* Prezo, 100 ekz. : 0,40 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj.* Prezo, 100 ekz. : 0,70 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage riceveblaj kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Oni povas mendi la gvidfoliojn aparte.

*Oficiala Jarlibro.*

*Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm. ; 50 ekz. : 1,50 Sm.

*Oficiala Bulteno* (senpaga por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

PROPAGANDAJ BROŜUROJ EN NACIAJ LINGVOJ :

*Universala Esperanto-Asocio.* Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *franca, germana, hispana* kaj *itala*. Eldonoj angla, rusa kaj portugala estas en preparo. Resumoj en lingvoj *dana* kaj *holanda*.

Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm ; 50 ekz. : 0,80 Sm ; 100 ekz. : 1,50 Sm.

AVIZOJ : Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Esperantio, 8**, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo), Tamen, nacilingvaj propagandaj broŝuroj estas ankaŭ riceveblaj el la jenaj adresoj :

D^ro M. KANDT, 8, Neuer Markt, *Bromberg* (Germana).
P. LINARES, Santo-Basilio, *Cordoba* (Hispana).
A. TELLINI, 12, Casella Postale, *Bologna* (Itala).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj & Subdelegitoj. Ĉiuj aliaj personoj devas aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Personoj, kiuj deziras rekomendigi sian mendajon, aldonu 0,10 Sm.